XXXIII-a Jaro — N-ro 441-442 — 25 Aprilo-10 Majo 1937


# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio


# La disrompo de la neŭtrala movado

## Enkonduko - Rerigardo - Asertoj kaj Faktoj - Post la Viena Kongreso - La estonto

### Enkonduko

Pasis nun ses monatoj, postkiam la antaŭa komitato de UEA forlasis la Asocion, ne zorgante pri ĝia likvidigo. Malnovaj membroj de UEA prenis sur sin la taskon, konduki la sendirektan ŝipon en trankvilan havenon kaj redoni al ĝi la naĝpovon. Centoj da korespondaĵoj, ricevitaj ĉe la C. O. kaj senditaj de fidelaj amikoj de la Asocio, kuraĝigis la Provizoran Komitaton daŭrigi en la vojo difinita. Vidiĝas el la korespondaĵoj, ke nombro da samideanoj ne plene komprenis la okazintaĵojn. Ja eĉ en tagaj gazetoj aperis strangaj informoj pri la disrompo de la neŭtrala movado, tiel ke necesas ĝustigo kun pruvoj.

La Provizora Komitato de UEA per la nuna dokumentita ĝustigo intencas meti finpunkton al pasintaj aferoj. Laca je asertoj kaj rifutoj, la esperantista mondo seninteresiĝas pri la ĉefa agado kaj multaj samideanoj deturniĝas de la movado. Aliflanke la sento de justeco kaj korekteco postulas, ke aro da faktoj estu konigataj, tiel ke regu klareco. Ĉi tiun taskon de objektiva informado, bazita sur faktoj kaj pruvita per dokumentoj, plenumas do la jena numero. La legantoj senkulpigu, se pri iuj aferoj ni devis relevi vualon de mistero kaj pro tio uzi valoran spacon de la gazeto.

### Rerigardo

Kiam en pasinta Oktobro kelkaj membroj de UEA kontraŭvole devis akcepti la ŝlosilojn de la Centra Oficejo ili faris tion sub ĉia rezervo. Tiu ĉi sinteno necesis, ĉar pri la agoj de la eksiĝinta komitato regis kompleta malklareco. La oficejo dum monatoj ne funkciis normale, la komitato persistinta en sia erara vojo, ne vidis la danĝeron aŭ ne volis ĝin vidi. Anstataŭ iri la sole eblan vojon, tiun kiun priskribas leĝo kaj kutimo, la Komitato de UEA kreis plenumitan fakton. Per malprecizaj informoj oni erarigis la membraron, kredigis al ĝi urĝan neceson de tuja ŝanĝo, kaj silentis pri tre gravaj faktoj. La svisaj membroj kiuj akceptis la ŝlosilojn de la Centra Oficejo troviĝis vidal-vide de konfuza situacio, kreita sole kaj nure per la rifuzo de la eksiĝinta komitato je laŭleĝa postulo, sekvi ordan vojon.

Post la transpreno de la oficejo, la Prov. Komitato de UEA ekzamenis sinsekve ĉion. Ĝiajn konstatojn pri materia kaj morala situacio de la Asocio ĝi jam parte konigis. Pri la plej gravaj punktoj ĝi silentis atendante, ke la eksiĝinta Komitato kaj precipe ĝia prezidanto Sinjoro Generalo Bastien el propra iniciato riparu faritan malbonon. Tio ĝis nun ne okazis. La nunaj respondecaj personoj de UEA prezentas la tutan aferon al la juĝo de la samideanaro.

### Asertoj

Inter la ne malgranda kvanto da kulpigoj kaj asertoj kontraŭ la « *estintaj sinjoroj* » t.e. la gvidantoj de UEA ĝis 1934 kaj kontraŭ la svisaj protestintoj troviĝas iuj, kiuj vere meritas nur rideton. Tamen, ĉe la publiko, ne koninta faktojn tiuj asertoj impresas malfavore. Kaj necesas, ke pri certaj asertoj plena lumo estu farata.

*Jen kelkaj el tiuj perloj :*

**1**

La ŝanĝo de la sidejo estas motivita per la aserto de malpli alta kosto en Londono.

**2**

Kiam mi mem — malgraŭvole — akceptis la prezidantecon (Aŭgusto 1934) la kaso estis malplena, la luprezo nepagita de kelkaj monatoj (la domposedanto minacis per laŭleĝaj persekutoj) kaj la kapitalo formanĝita, ĉar la resto de la kapitalo eĉ ne sufiĉis por pagi la ŝuldojn. Eĉ la sumoj pagitaj de la Dumvivaj Membroj estis grandparte formanĝitaj kaj el la tuto de tiuj diversaj sumoj restis disponebla nur kelkmilo da frankoj.

(Diraĵo de Generalo Bastien, ESPERANTO, 1936, p. 67).

**3**

En cirkulero sendita dum 1936 al la Komitato de UEA, Generalo Bastien asertis, ke ne ekzistas inventario pri la Biblioteko de UEA.

**4**

Dum la kongreso en Vieno 1936 la Prezidanto de UEA kredigis, ke la respondkuponoj de UEA, kreitaj en jaro 1926 estas neleĝaj, ke mankas la mono por reakcepti la ankoraŭ cirkulantajn kuponojn.

**5**

La svisaj protestintoj volis devigi la komitaton de UEA, nepre konservi la sidejon en Genève.

**6**

La Tribunalo de Genève *malpermesis* la foriron de l'oficejo al UEA, la foriron de l'oficejo al Londono kaj la donacon de la Biblioteko al la Aŭstria Nacia Biblioteko.

**7**

Komunistoj (en Genève) malebligis la transporton de la Biblioteko de UEA al Vieno.

(Informo en aro da taggazetoj en Aŭstrio kaj en Polujo).

### FAKTOJ KUN PRUVOJ

Estas trajto de nia tempo, ke por sukcesi en ia afero, ĉu en politika vivo, ĉu en societa agado, oni provas nigrigi la alipensanton. Rezonado ne estas ŝatata ĉe la nuntempaj bruegantoj, kaj serĉi kaŭzojn de ia malbono estas superflua. Tia estis ankaŭ la metodo sekvita dum multaj jaroj de la kontraŭuloj de UEA, ĝis kiam la momento venis por estri ĝin.

Kontraŭ tiu ĉi metodo de nigrigado, de intrigado kaj de blufo, ni metas la penplenan laboron de la argumentado per ekzemploj kaj pruvoj. Malpli interesa ! Malpli brua ! Kaj ĉefe malpli simpla ! Kiom simpla ja estas ĵeti frazon pri « *misuzo kaj korupcio* ». Tiun ĉi demagogan procedon ni malŝatas. Se hodiaŭ la publiko esperantista ne plu komprenas la aferon, la evoluo mem pravigos niajn dirojn.

*Kaj nun al la faktoj :*

**1**

Nenialoke la Komitato respondeca pri UEA en 1936, prezentis klaran bildon de la situacio, post la morto de Direktoro Rob. Kreuz. En rapide kunmetita budĝeto, Sinjoro Goldsmith elkalkulis por la jaro 1936 elspezon de 2750 funtoj sterl. Mankis en tiu ĉi budĝeto GRAVAJ postenoj, ekzemple la kosto de lupago en Genève ĝis Aŭgusto 1937 taksebla je 3000 frankoj, la perdo je la vendo de maŝinoj, mebloj kaj libroj, taksebla je ekstrema minimumo je 3000 frankoj, plie la kosto kompleta por la transporto de oficejo kaj biblioteko. La dokumentoj, kiujn ni trovis pri tiu ĉi punkto montras, ke la kosto por transporti ĉion al Londono (ĉion, kion oni intencis konservi) estas ĉirkaŭ 1500 frankoj, dume la transporto de la Biblioteko estas kalkulita por 1009 frankoj. (letero de S-ro Hofrat Steiner de la 23a de Aprilo 1936) — Kiom supraĵe la tuto estis aranĝita pruvas la tuj konstatebla detalo : La ofertoj pri la transporto, faritaj de pluraj firmoj montras sumojn inter 2000 ĝis 4000 svisaj frankoj. Unu el la firmoj, anglo-svisa, specialigita por tiaj transportoj kalkulis 20000 kg da transportota materialo !

Ni estu indulgaj kaj ni kalkulu nur plej ekstreme, supozante nevera eĉ la intencitan detruon de multaj valoraj dokumentoj. Kaj eĉ tiam oni atingas sumon de 3000 frankoj, sekve 1500 pli multe ol antaŭvidis tiu ĉi rapide skizita kaj prezentita budĝeto.

**Konklude: 3000 Frk. plus 3000 Frk. plus 1500.— sume 7500 Frankoj mankantaj en la budĝetpropono.**

Pri la unuopaj ciferoj de tiu ĉi budĝeto, transkalkulita en svisa mono laŭ la tiama kurzo — 1 funto = 15 frk. ni nenion diras. Rimarkinde estas ankaŭ, ke ĝi antaŭvidas (dum Aprilo) 6000 Frankojn por kongreslicenco. Tiutempe, ni diru en Aprilo 1936, oni povis jam scii, ke neniam la LKK en Vieno pagos la sumon de sesmil Frankoj, kio premisas nombron de 1500 plenaj aliĝoj al la kongreso.

Restas ankoraŭ la kostoj por la starigo de la nova oficejo. La meblaro kaj maŝinaro de UEA devis esti vendataj al brokantisto. Nu, la dokumento trovita montras, ke la koncerna firmo estis preta komisie vendi meblojn kaj maŝinojn kaj taksis la prezon de la tuto por 2757 frk. (Parenteze : La aĉetvaloro de la tuto estis pli ol 15000 frankoj; sekve la oferto ne estus malbona *se oni pagus tuj*) Konklude : Oni neniel povis kalkuli je tiu ĉi sumo por akiri la necesajn objektojn per ĝi en Londono. Tiu ĉi elspezo ne troviĝis en la budĝeto supre aludita.

Resumante ĉion ni atingas sumon de 10000 frankoj da manko en la budĝeto, rezultantan el optimisma takso de la enspezoj kaj el necito de gravaj elspezoj.

Ni ripetu : 3000 frk. lupago : perdo je vendo de maŝinoj kaj mebloj 3000 frk. manko de transportkosto 1500.— Optimisma kalkulo de licenco 1500 frk. akiro de necesaj mebloj 1000 frk.)

La valor- malaltigo de la svisa franko tiom funde ŝanĝis la tutan situacion, ke ĉia diskuto pri la ciferoj, starigitaj dum Aprilo 1936 perdis la sencon. Svislando fariĝis malmulte kosta pri certaj aferoj kompare al Londono.

*Budĝeto de UEA por la jaro 1936,*

| Elspezoj | Funto Sterl. | Franko svisa : |
|---|---|---|
| Salajroj | 970 | 14550 |
| Lupago-imposto | 135 | 2025 |
| Gazeto | 500 | 7500 |
| Jarlibro | 225 | 3375 |
| Afranko | 120 | 1800 |
| Presaĵoj | 100 | 1500 |
| Premioj | 30 | 450 |
| Propagando | 50 | 750 |
| Lingva Kom. | 30 | 450 |
| Vojaĝoj | 50 | 750 |
| Oficejaj elspezoj | 50 | 750 |
| Amortizo | 30 | 450 |
| Div. elsperoj | 50 | 750 |
| Gajno | 325 | 4875 |
| sumoj | 2665 | 39975 |

| Enspezoj | Funto Sterl. | Franko Svisa |
|---|---|---|
| Kotizoj | 1733 | 25995 |
| Abonoj | 7 | 105 |
| Entreprenoj | 10 | 150 |
| Partoprenantoj | 2 | 30 |
| Simplaj membroj | 333 | 4995 |
| Patronaro | 110 | 1650 |
| Licencpago | 400 | 6000 |
| Libroservo | 40 | 600 |
| Div. enspezoj | 30 | 450 |
| Sumoj | 2665 | 39975 |

*Divido Genève-Londono*

| | Funto Sterl. | Franko svisa : |
|---|---|---|
| Elspezoj en Genève ĝis 30.IV.36 | 1150 | 17250 |
| En Londono 1.V.- ĝis 31.X. 36.. | 1280 | 19200 |
| Duobla lupago 6-monata ...... | 100 | 1500 |
| Duoblaj salajroj | 50 | 750 |
| Transporto .... | 100 | 1500 |
| Vojaĝelspezoj .. | 70 | 1050 |
| Sumoj ......... | 2750 | 41250 |

| Enspezoj | Funto Sterl. | Franko svisa : |
|---|---|---|
| Kiel supre .... | 2665 | 39975 |
| Donacoj ...... | 85 | 1275 |
| sumoj ......... | 2750 | 41250 |

**2**

Ni simple konstatas :

a) *La Asocia Kapitalo* grave degeliĝinta pro kurzfaloj, sufiĉis en 1934 kune kun la sumoj de fidindaj ŝuldantoj kaj la ceteraj havaĵoj de UEA, por pagi la ŝuldojn, se likvidigo de l'Asocio estis ne plu evitebla.

b) *La Garantia* Kapitalo, kiu suferis nur malmulte pro kurzfaloj, sumis tiom, kiom enpagis la tiamaj Dumvivaj Membroj. La uzita mono el atestoj de Garantiantoj respondis al la sumoj enpagitaj de la Garantiantoj mortintaj, je kiuj rajtis disponi la Komitato de UEA, konforme al la regularo pri la Garantia Kapitalo (Jarlibro 1913, p. 62 ĝis 64).

c) La aserto pri la lupago estas groteska. Estis unua principo de la tiama Direktoro (Hans Jakob) pagi unue la luon. Cetere neniam la administranto de la domo minacis persekuti. Sur kio Sinjoro Generalo Bastien bazis tiun ĉi aserton ni ne komprenas. Ni reproduktas la rilatan korespondaĵon de la domadministranto kaj kopion de la konto : Oficejo 1934.


# Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# La disrompo de la neŭtrala movado

Genève 7 Julio 1936.

Sinjoro,

Laŭ via demando ni konfirmas volonte tion, kion ni jam diris al vi parole, nome ke dum la jaro 1934 la luo de l'Oficejo de Esperanto, 1 Tour de l'Ile, estis regule pagita.

Ricevu Sinjoro, niajn distingajn salutojn.

Subskribo : J. Th. L'Huillier.

---

La firmo asertis firme, neniam esti minacinta UEA pro « prokrasto » en la lupago. Ankaŭ la korespondaĵoj de la firmo kun UEA ne enhavas tian minacon.

---

*Ekstrakto de la Konto — Oficejo — jaro 1934*

Rimarko : Laŭkontrakte oni pagas luon antaŭe; sed pro la krizo, ĉiuj domadministrantoj en Genève konsentis akcepti pagon post datfino.

La kaso de UEA pagis la luon en jaro 1933-34 kiel montras la kvitancoj kaj la konto :

| | | |
|---|---|---|
| 1933 | | |
| Nov. 1. | 210.00 | Por Nov. 1933 |
| Dec. 5. | 215.00 | Por Dec. 1933 |
| 1934 | | |
| Jan. 5. | 347.50 | Por Jan. 1934 |
| Febr. 13. | 375.00 | Por Februaro |
| Marto 26. | 110.00 | Por Marto |
| Majo 2. | 270.00 | Por Aprilo |
| » 31. | 300.00 | Por Majo |
| Junio | 370.00 | Por Junio-Julio |
| Aŭgusto | 185.00 | Por Aŭgusto |
| Okt. 2. | 620.00 | Por Sept.-Okt. |
| | 3002.50 | |

*La malsameco de la sumoj devenas el tio ke la subluantoj pagis malregule al UEA.*

## 3

Neniam dum sia tuta oficperiodo la estraro de UEA post 1934 interesiĝis pri la Biblioteko de UEA. Aserti, ke ne ekzistas inventario... nu tion oni povis facile. Neniam eĉ unu el la estimindaj anoj de la Estraro malfermis unu el la tirkestoj de la grandaj ŝrankoj en la Tura Ĉambro. Tie ripozis pace ses diversformaj libroj — ĉefa kontrolo — komencita en jaro 1908 de S-ro Ed. Stettler, daŭrigita en 1913 de Hans Jakob por fine atingi ses librojn kun numero 7907. La tuta malbonvolo rekoni ion kuŝas en tiu ĉi simpla fakto, skribi ke ne ekzistas inventario. Tiu ĉi aserto estas de sama nivelo kiel multaj aliaj pri kiuj ni simple silentas.

## 4

Pri la respondkuponoj de UEA estis jam tiom disdirita, ke nun, kiam finiĝis la servo, ni povas prezenti kalkulojn. Pri la aserto ni nur konstatas.....

a) La mono por ili troviĝis en la bilancoj;

b) La restinta pasivaĵo 1936 estis nenio alia ol rezulto de sesjara agado, do gajno.

c) La kuponoj ne estis laŭleĝaj asertas Sinjoro Generalo. Ili estis konfirmitaj per la statuto de 1934, pri kies fina redaktado Sinjoro Generalo Bastien estis daŭre informita pere de la Franca Societo. Ni ankaŭ ne komprenas, kie troviĝas ilia « senleĝeco ». Aserto sen pruvo kiel kutime.

La svisa leĝaro, nenialoke enhavas ion kio malebligas eldoni tiajn privatajn pagilojn. La respondkuponoj cirkuladis dum dek jaroj kaj neniu plendo pro senleĝeco venis al UEA. Povas esti ke la francaj leĝoj ne permesas eldoni tiajn pagilojn, kio ja nur pruvas unu plian fojon, la pli favoran situacion de UEA en Genève ol aliloke.

d) Jam en Novembro 1936 ni atentigis, ke Direktoro Kreuz plilongigis la daton de cirkulado de 1935 al 1936. Tio ne estis korekta procedo. Tamen la Prov. Komitato de UEA ne nuligis ĉi tiun decidon. Ĝi decidis akcepti la kuponojn kun 1935 kiel datlimo ĝis fino de Junio 1937, por ke neniu sentu sin senrajtigata.

*Resuma historio de la Servo*

Proponita al la Komitato de UEA en jaro 1925 kaj akceptita principe en jaro 1926.

Regularo aperinta unuafoje sur kovrilo de ESPERANTO 1927, Januaro, kaj sinsekve en Jarlibroj, plie en la libreto LA SERVARO p. 76.

Interna regularo aprobita de la Komisiono de UEA, fiksante ekzemple deponon de certa monsumo en bankon, akceptita 1927.

Presitaj estis kuponoj por suma valoro de 20000 frankoj. El ili tuj dumil kuponoj por unu franko estis surpresitaj kun SPECIMENO, tiel ke restis respondkuponoj por 18000 frk. Unu serio, konsistanta el 10 por 0.30, 6 por 0.50 kaj tri por unu franko, sume deknaŭ kuponoj por 9 frk. da valoro kun vendoprezo de 10 frankoj.

Pro nesufiĉa vendo de kuponoj, 10000 ekzempleroj estis surpresitaj kun Specimeno kaj englutitaj en la supre nomita libreto SERVARO de UEA (1932).

Pri la eliro kaj eniro de la kuponoj ekzistis konto. La saldo de tiu ĉi konto aperis ĉiujare en la bilanco inter pasivoj.

*Movado de la konto* 1927 ĝis 1937.

| Jaro | Venditaj kuponoj : | Repagitaj kuponoj |
|---|---|---|
| 1927 | 1642.10 | 824.30 |
| 1928 | 654.31 | 885.94 |
| 1929 | 724.56 | 573.18 |
| 1930 | 1468.57 | 1071.73 |
| 1931 | 529.49 | 633.62 |
| 1932 | 697.36 | 555.45 |
| 1933 | 537.51 | 842.61 |
| 1934 | 224.27 | 170.80 |
| 1935 | 127.10 | 243.30 |
| 1936 | 49.35 | 334.70 |
| Dum dek jaroj oni vendis por | 6654.62 | |
| Oni repagis... | | 6135.63 |
| Saldo = gajno | | 518.99 |
| Sumoj ....... | 6654.62 | 6654.62 |

Klarigo : Oni vendis do por 6654.62 Frk. da kuponoj. Oni repagis 6135.63 sekve restas sumo de 518.99, ni diru 519 frk. kiel ŝuldo de la Centra Kaso. Sed la gajno el la vendo de kuponoj, ĉirkaŭ 1/8 de la sumo de venditaj kuponoj estus por la jaroj 1930-36 ĉirkaŭ 500 frk. Tiel klariĝas la supra saldo, kio estas do gajno.

Siatempe, bone konata malamiko de UEA disdiris ke UEA cirkuligis por dekmiloj da frankoj, tiajn respondkuponojn kaj ne havas la monon por reakcepti ilin. Al tiu ĉi malbonintenca diraĵo, ni kontraŭmetas la realajn ciferojn. Konstatite estu ankaŭ, ke la disdiranto de tiu ĉi malveraĵo neniam konfesis esti erarinta en la momento, kiam li mem estis en Estraro de UEA.

## 5

Kion celis fakte la svisaj membroj kiuj plendis ĉe la Tribunalo?

Nenion alian ol korektan procedadon ! Neniu estus pensinta malhelpi la foriron de la Centra Oficejo de UEA al alia lando se la Komitato estus observinta la plej elementajn regulojn de honesteco. Tio ĉi konsistis el

**serioza prikonsidero de la faktoj**

**funda esploro de la situacio en Londono**

**klara prezento de tio, kion oni intencas.**

Kaj fine : sekvi la kutimon, prezenti ĉion en konvena maniero, respekti la statuton kaj permesi al la decidrajtaj personoj konsciiĝi pri la gravaj decidoj prenotaj. La tuta procedo de la decido ĝis la komedio de la voĉdono estis fuŝprocedo. Kaj ĝin ne pravigas la « *urĝa neceso tuj ŝanĝi* » pro ebla bankroto. Kio pleje impresis tie ĉi estis la supraja maniero, la absoluta ignoro de pasintaj okazaĵoj kaj la senĝeno per kiu oni decidis pri la havaĵo de UEA.

*Ekstrakto rilata al la rajtpeto prezentita al la Tribunalo*

per la protestintoj

......... la protestantoj petas la tribunalon.....

ekzerci kontrolon ĝis la momento, kiam la modifo de la statutoj en bona kaj regula formo permesas la koncernan ŝanĝon.

## 6

La Tribunalo de Genève neniel okupiĝis pri la objekto mem, sed nur pri la jura flanko. Ĝi simple konstatis malrespekton de la statuto kaj nuligis la decidojn de la Komitato.

Kion tio ĉi signifas ? Nu, la Tribunalo ne enmiksiĝas en la aferon mem. Por ĝi temis nur pri tio, ĉu laŭ senco de la leĝo kaj de la statuto, la Komitato agis korekte. Kaj por ke la Komitato de UEA riparu sian eraron, ĝi lasis al ĝi la tempon sufiĉan. Avertita per la unua kondamno, (24 Aprilo 1936) la Komitato de UEA malgraŭ seriozaj atentigoj flanke de la propra advokato kaj de sinceraj amikoj persistis en sia misvojo, aranĝis voĉdonon bazitan sur eraraj informoj kaj sen atento de kutimoj jam tradiciaj en UEA ĝis 1934. Kaj ne sufiĉe : Por nepre leĝigi la kontraŭleĝan procedon, la prezidanto influis la voĉrajtigitojn, minacante eksiĝi, se la voĉdono estus kontraŭ Londono. Verdire tio ne montras fidon al propraj agoj.

Ni ripetas tie ĉi ekstrakte la decidojn de l' Tribunalo. Nenialoke oni « malpermesas » ion !

*Decidoj de la Tribunalo*

a) Nuligas kiel kontraŭan al la Art. 5 de la statutoj, la decidon de la (komitato de la) Universala Esperanto-Asocio, faritan laŭ cirkulero de la 22a de Marto 1936 kaj transportantan ekster Svislando la sidejon de la dirita Asocio.

b) Nuligas la decidon de l'Universala Esperanto-Asocio intervenintan sub formo de voĉdono per korespondo, kontrolita la kvaran de Julio 1936 en la Oficejo en Ĝenevo, 1 Tour de l'Ile, kaj modifanta la postulojn de la statutoj rilatantajn al la Asocia sidejo.

## 7

Pri tiu ĉi aserto ni publikigas la tekston de gazeta informo, aperinta en tagaj gazetoj. Kaj kun ĝi letero ......... de S-ro Hofrat Steiner, Vieno. La konkludon pri tio ni lasas al la legantoj. Ni demandas tamen Sinjoron Hofrat Steiner, ĉu li inspiris la artikolon kaj se jes kie troviĝas la komunistoj, ĉu en la estinta komitato de UEA, forkurinta antaŭ simpla plendo de kelkaj membroj, aŭ inter la protestintoj. Valorus ankaŭ scii, de kie venas la ideo, ke la decido de la tribunalo estas nur provizora. Se necesas tiaj rimedoj por konvinki dubeman publikon tiam la afero ja devus stari malbone.

---

*Dokumento n-ro 1.*

### Komunistoj malhelpas la transporton de la Esperanto-Biblioteko al Vieno

(Traduko de artikolo aperinta en taggazetoj aŭstriaj kaj polaj).

---

Okaze de la lasta Esperanto-Mondkongreso en Vieno en pasinta jaro estis antaŭvidita la transigo de la granda Biblioteko de l'Universala Esperanto-Asocio el Genève al Vieno, kie la jam 8000 volumojn kalkulinta E- biblioteko devis esti aligata al la jam ekzistanta granda kolekto de la Viena Esperanto-Muzeo.

Kiel ni nun sciiĝas, ne okazis kaj pro kaŭzoj strangaj tre signifaj por iliaj aŭtoroj tiu ĉi transporto de la Biblioteko kaj antaŭvideble tiu ĉi kolekto ne plu venos al Vieno. En la estraro de la Asocio okazis grava skismo,

**sekve de tio kelkaj komunistaj esperantistoj tre energie agis kontraŭ la transporto de la Biblioteko al Vieno.**

Jam ili intrigis pro la okazigo de la tutmonda kongreso en Vieno kaj agitadis kontraŭ Aŭstrio avertante viziti Aŭstrion. Ili same protestis kontraŭ la intencita transporto de la biblioteko, interalie pro la ridinda atentigo, brulado de libroj kiel siatempe en Germanujo kaj ke ankaŭ ĉiuj Esperanto-libroj estos detruataj.

La aŭstriaj esperantistoj jam konsoliĝis feliĉe pro tiu ĉi afero kaj tio despli facile, ke la ekzistanta Esperanto-Biblioteko en Vieno kalkulas pli ol dekmil volumojn kaj sekve estas pli riĉa ol la Ĝeneva kolekto.

Krom tio aperos en la proksima numero de la *Aŭstria Esperantisto*, la gazeto de la aŭstriaj esperantistoj sendata al sesdek landoj, salutletero de kanceliero D-ro Schuschnigg al ĉiuj esperantistoj kaj invito viziti Aŭstrion. En la sama numero estas adresata al la esperantistoj de la tuta mondo la peto, disponigi al la Viena kolekto superfluan Esperanto-Literaturon, tiel ke la Viena kolekto ankaŭ estonte estos la plej granda en sia speco.

---

Dokumento n-ro 2 :

*Letero de Sinjoro Steiner al UEA:*

Wien, 15 Januaro 1937.

Al la Provizora Komitato de UEA, Genève.

Tre estimataj,

Je nia malagrabla surprizo ni legis en Neuigkeits-Weltblatt, ĵurnalo aperanta en Vieno, la artikolon « Komunistoj malebligas la transporton de la Esperanto-Biblioteko al Vieno ».

Vi ne povas imagi, kian impreson ĉi tiu artikolo faris al mi kiel respondeca persono en nia movado.

Mi tuj, kompreneble, altelefonis la ĉefredaktoron kaj la koncernan redaktoron, klarigis al ili la veron kaj interkonsente kun ili tuj sendis al ili ĝustigon kies kopion mi sendas al vi. Tuj post la apero de la artikolo mi sendos al vi la koncernan numeron.

La dirita artikolo estiĝis sekve de miskompreno per telefono kaj miksigo flanke de la redaktoro de diversaj informoj. (Mi informis, ke siatempe komunistoj disvolvis kontraŭpropagandon dum la kongreso kaj antaŭ la kongreso). Krome mi informis tre singardeme — por ne malutili al Esperanto — ke la afero pri la eventuala transporto de la biblioteko ne ankoraŭ estas matura, ĉar mi ne volis diri, ke estas tiu granda diferenco en niaj vicoj.

Ni samideane salutas vin kaj estos ĉiam je via dispono

sig. STEINER.

---

Dokumento n-ro 3 :

Traduko de la ĝustiga artikolo aperinta en la sama gazeto viena je la 17a de Januaro 1937 :

### La transigo de la Biblioteko de l'UEA.

Kompletigante nian artikolon pri la transigo de la Biblioteko de UEA el Ĝenevo skribas al ni Hofrat Steiner... la prezidanto de la Aŭstria Esperanto-Asocio :

« La decido, transigi la bibliotekon de Universala Esperanto-Asocio al Vieno okazis kun la intencita ŝanĝo de sidejo de la Centro al Londono. Tiu ĉi transigo estas, konforme al la svisaj leĝoj sur bazo de la ekzistantaj statutoj ne ebla, antaŭ ol ĉi tiuj estas modifataj. La ĉi-rilataj traktadoj ne estas ankoraŭ finitaj.

La ĝeneva centro estas egale neŭtrala kaj nepolitika tiel ke la supozo, ke malhelpis la transporton radikalaj elementoj maldekstraj, ne konformiĝas al la faktoj.

### Aspekto de la subtegmenta arkivo de UEA, post eksiĝo de la Komitato 1936



# Reproduktaĵo de l'letero de S-ro Hofrat Steiner al UEA 15-I-1937

ÖSTERREICHISCHER ESPERANTO-BUND,
die offizielle Organisation der Esperanto-Bewegung in Österreich
WIEN, I., NEUE BURG (Tel. R 27-803)
(Vorsitzender: Hofrat Hugo Steiner)
AŬSTRIA ESPERANTO-ASOCIO,
landa organizo de UEA en Aŭstrio.

Wien, 15.januaro 1937.

Al la Provizora Komitato de UEA

Geneve.

Tre estimataj,

Je nia malagrabla surprizo ni legis en "Neuigkeits-Weltblatt" ,ĵurnalo aperanta en Wien, la artikolon "Komunistoj malebligas la transporton de la Esperanta Biblioteko al Vieno".

Vi ne povas imagi, kian impreson ĉi tiu artikolo faris al mi kiel respondeca persono en nia movado.

Mi tuj ,kompreneble, altelefonis la ĉefredaktoron kaj la koncernan redaktoron, klarigis al ili la veron kaj interkonsente kun ili ,tuj sendis al ili ĝustigon ,kies kopion mi sendas al vi. Tuj post la apero de la artikolo ni sendos al vi la koncernan numeron.

La dirita artikolo estiĝis sekve de miskompreno per telefono kaj miksigo flanke de la redaktoro de diversaj informoj.(Mi informis ,ke siatempe komunistoj disvolvis kontraŭpropagandon kun la kongreso kaj antaŭ la kongreso. Krome mi informis tre singardeme ---por ne malutili al Esperanto --- ke la afero pri la eventuala transporto de la biblioteko ne ankoraŭ estas matura, ĉar mi ne volis diri,ke estas tiu granda diferenco en niaj vicoj.)

Ni samideane salutas vin kaj estos ĉiam je via dispono

[signature]

La informo pri komunista influo en la Esperanto-Movado, nature kaŭzis miregon en Aŭstrio kaj surprizon, eĉ malagrablan senton inter niaj samideanoj en Polujo, klopodantaj por la Jubilea Kongreso. Pro tiu ĉi motivo kaj pro la deziro pruvi la senfundecon de la aserto farita por malutili UEA, ni publikigis ĉiujn dokumentojn.

## Kiel oni ekvilibras budĝeton

La tuta demagoga procedo inaŭgurita post 1934 en UEA, la sistemo de blufo kaj erarigado plej bele montriĝas en la triumfa eldiro de l'estinta Direktoro S-ro Robert Kreuz :

UEA finis la jarkalkulon 1935 sendeficite.

Por la unua fojo en la financa historio de la Asocio tia konstato povas esti farata. Ĉu estas necesa pli bona pruvo por montri, ke UEA nun estas sur la ĝusta vojo?

Miras la membraro. Dum 25 jaroj la « estintaj sinjoroj » ne kapablis atingi tion. Efektive grandioza sukceso, miraklo, elektu kion vi volas.

Valoras ke oni ekzamenu iom de proksime tiun ĉi mirindaĵon. Se ĝi respondus al korektaj premisoj, vere valorus vindi laŭrokronon. Tamen la realeco estas iom alia.

Klarigo. Ni represas la kalkulon de UEA de 1935. La UEA de 1935 estas do laŭbilance kunigo de du enspezfontoj : La malnova UEA kaj la estinta ICK. Tiu ĉi malaperis, la enspezoj iris al UEA. Sed por tiuj enspezoj, estis plenumita certa laboro, kiu grandparte ĉesis en jaro 1935, fizika neeblaĵo, kiel ni volonte konsentas. Por ricevi ĝustan bildon oni devus depreni de la enspezoj la sumojn por

| | |
|---|---|
| Patronaro ............ | 1622.50 |
| Partoprenantoj ........ | 150.00 |
| Simplaj membroj ...... | 4970.30 |
| Kongreslicenco ....... | 6467.65 |
| | 13210.45 |

(Tio estis la enspezoj por la Sekcio de Eksteraj Aferoj de UEA, estinta ICK).

Ekzamenante la elspezojn ni memoras, ke la Jarlibro 1935 estis simpla suplemento de *80 paĝoj*. Tian volumeton la « estintaj sinjoroj » kiel oni bonvolis nomi la gvidantojn de UEA ĝis 1934, neniam estus kuraĝintaj sendi al la membroj. Minimume oni estus avertintaj ilin ! Nu, la kosto de la Jarlibro 1935 estis preskaŭ 3000 frk. Por kompleta Jarlibro la sumo de 6000 Frk. estis tiutempe necesa. Sekve 3000 frk. da efektiva ŝparo.

Vi vidas ke la kosto de premioj por subtenantoj en jaro 1935 estis 567 frk. La nombro de la subtenantoj estis 229. La meza kosto de premio estis kutime ses frankoj. Sekve 229 × 6 = 1374.00
Deprenu la sumon kalkulitan por premioj.. 567.00
vi atingas ŝparon de frk. . 807.00

Grandioza ĉu ne ? Kiel tio okazis ? Ĉu la « estintaj sinjoroj » ne povis aĉeti belegajn premiojn je sama favora prezo ? La sekreto estas simpla. En jaro 1934 kiam la nova estraro transprenis la oficejon, oni amortizis la librostokon de UEA ĝis unu sesono de la tiama valoro. Sekve en 1935 oni posedis tre malkaran materialon. La sama fakto estas kun la Jarlibro 1934. Ĝin oni presis pro bona kaŭzo je dekmil ekzempleroj. Restis pli ol trimil ekzempleroj. Ĉi tiujn oni preskaŭ entute sendis al *novaj* anoj en 1935. Nenion oni debetigis por tio, ĉar jam amortizita en 1934 : Valoro 1500 Frk. Kunigante ĉi tiujn du ciferojn 807.— kaj 1500.— oni atingas 2307 Frk. kiuj aperis en la grandega deficito de jaro 1934, altigita per perfortaj amortizoj, kio sekve permesis vivi malkare en 1935. Adiciante oni atingas la sumon de 15517,45 frk. da diferenco (nome 13210.45 plus 2307.—) okaze de kalkulado laŭ ĝustaj premisoj, estus rezultiginta deficiton por UEA (sen ICK, la posta Sekcio por Eksteraj Aferoj).

Kiel ofte la malsincereco sin venĝas tion montras jena pikanta detalo. Kiam la Komitato de UEA asertis, ke en Genève UEA ne plu povas vivi, la advokato petis pruvon. Montrinte la bilancon de 1935 kun profito de 2189 frk., la advokato tuj diris, ke tiu ĉi deklaro pri multekosteco de Genève ne estas pruvebla. Kaj la Komitato de UEA evitis bone informi pri la veraj kaŭzoj de tiu ĉi profito.

Rezultis do ke la argumento plej komprenebla (la multekosteco) ne povis esti alvokita kun pruvo konkreta. Malsincero kaj mensogo sin venĝis.

Jen la bilanco de 1935. Kaj kiel averto la Direktoro aldonis malsupren la frazon « ke tiuj ŝparoj ne estos efektivigeblaj en estontaj jaroj ».

| *Enspezoj* | Svisaj frk. |
|---|---|
| Kotizoj ............... | 26,474.69 |
| Abonoj ............... | 121.15 |
| Entreprenoj .......... | 140.95 |
| Anoncoj « Esperanto ». | 771.88 |
| Anoncoj Jarlibro ...... | 422.84 |
| Patronaro ............ | 1,622.50 |
| Partoprenantoj ....... | 150.00 |
| Simplaj membroj ..... | 4,970.30 |
| Kongres-licenco ....... | 6,467.65 |
| | 41.141.96 |

| *Elspezoj* | Svisaj frk. |
|---|---|
| Oficejo ............... | 3,433.25 |
| Salajroj .............. | 17,290.00 |
| Materialo ............ | 843.30 |
| Ĵurnalo ............... | 7,773.40 |
| Jarlibro .............. | 2,998.90 |
| Presaĵoj .............. | 1,513.50 |
| Afranko C. O. ........ | 1,844.32 |
| Afranko ekstera ...... | 391.25 |
| Telefono, telegramoj .. | 298.26 |
| Premioj M.S. ......... | 567.05 |
| Vojaĝoj .............. | 114.05 |
| Lingva Komitato ...... | 400.00 |
| Ekstera Propagando ... | 489.20 |
| Biblioteko ............ | 15.50 |
| Diversaj .............. | 980.40 |
| Gajno ................. | 2,189.58 |
| | 41,141.96 |

## La intencita mortigo de UEA.

La legantoj memoras, ke la Komitato de UEA kunvenis en Vieno kaj decidis provi interkonsenton kun la protestintoj. Ĉeestis tiun ĉi kunvenon 10 komitatanoj el 28-30. Okaze de malsukceso, la dek komitatanoj decidis tuj forlasi UEA kaj fondi novan organizaĵon. Tiu ĉi decido neniam estis submetita al la tuta komitato en formo de propono, kiel devus esti. Oni simple prezentis la situacion tiom malesperan, ke restis nur la alternativo : « Manĝu la kukon aŭ krevu ».

Per la tiom konata rapideco, oni deklaris ke UEA mortis, dissendis cirkuleron al la Delegitoj evitis sendi tiajn al tiuj en Genève (pro bona kaŭzo) kaj kaptis ilin. Sed plej stranga, eĉ nekomprenebla al sane pensanta homo estis la jena faro : Al la Dumvivaj Membroj de UEA, societo jure ekzistanta, oni sendis cirkuleron, simple dirante, ke ili estas je samaj rajtoj Dumvivaj Membroj de la nova ligo. *Kaj tion subskribis..... Generalo Bastien kun S-ro Goldsmith.* Ĉu en tuta Parizo aŭ Londono ne ekzistis bonvola juristo esperantista kiu povis konsili, ke simpla pripenso ne kapablis konvinki la sinjorojn pri la sensencaĵo de ilia ago ? Eĉ se UEA estus likvidita, sub nenia kondiĉo la rajtoj de la Dumvivaj Membroj estus aliigeblaj aŭ transdoneblaj. Por fini la blufon, la Ĝenerala Sekretario de la Ligo anoncas la aliĝon de Dumvivaj Membroj al la Ligo kvazaŭ ili estus ĉiuj pagintaj novan kotizon ! Sed tiu ĉi sistemo de erarigo ne finiĝis : Erarigante la Delegitojn misinformante la Dumvivajn Membrojn, la Ligo tutsimple transprenis la statuton de UEA. Ni resumu :

1. Por fondi la ligon oni servis sin de rimedoj de UEA, societo konstituita laŭ svisa leĝo, ne likvidita, ekzistanta kaj funkcianta.

2. Por impresi la publikon oni dissendis rapidece por gajni la tempon, informojn kies malvero tiel saltas en okulojn, ke oni nur devas miri pri tia facilanimeco.

3. Por delogi la fidelulojn oni deklaras, ke UEA mortis aŭ vivas nur kelkajn monatojn por fine enteriĝi, akaparas la delegitojn, kaj uzas la statuton de la societo deklarita kiel mortinta.

Oni ne bezonas esti adoranto de paragrafoj por trovi, ke tia procedado estas fuŝa kaj infana, malinda je seriozaj homoj. Tio ja nur estas ebla en la nuna tempo de konfuzo, de malfido kaj de epidemio je manieroj diktatoraj.

Ni represas la cirkuleron al la DM tie-ĉi :

INTERNACIA ESPERANTO-LIGO
Centra Oficejo: 142, High Holborn, London, W.C.1, Anglujo

28 Septembro 1936

AL LA DUMVIVAJ KAJ HONORAJ MEMBROJ DE U.E.A.

Tre estimata Samideano,

La okazintaĵoj de la lastaj semajnoj, klarigitaj en la kunsendata ekzemplero de nia Oficiala Bulteno, sendube multe surprizos vin. Estas bedaŭrinde, ke kelkaj personoj povas tute ĉesigi la funkciadon de la internacia organizaĵo de nia Esperanto-movado, kaj la Komitato trovis, ke nur per la starigo de nova organizaĵo ni povas certigi ĝian vivon.

Ni opinias, ke rezulte, U.E.A. ne povas longe vivi, ĉar ni jam scias, ke ni havas la subtenon de ĉiu granda landa asocio; pro tio, ni pensis pri la situacio de la Dumvivaj kaj Honoraj Membroj, kiuj tiuokaze perdos ĉiujn siajn rajtojn. Niaopinie, tio ne estus justa, kaj ni decidis proponi al ili la saman Dumvivan aŭ Honoran Membrecon en I.E.L., sen plua pago, kaj sub la sola kondiĉo, ke ili indiku skribe al ni, antaŭ la fino de la nuna jaro, ke ili akceptas tiun proponon.

Ni, do, formale faras al vi tiun proponon, kaj esperas, baldaŭ ricevi vian akcepton.

L. Bastien, Prezidanto. C. C. Goldsmith, Ĝen. Sekr.

## La estonto

Oni tiom parolis jam pri la krizo en la movado ke ne valoras ludi sur tiu ĉi kordo. Ni vidu la situacion tia, kia ĝi estas kaj ni serĉu eblecon de arango, bazanta sur realeco. La Prov. Komitato de UEA okupiĝis dum du kunvenoj pri proponoj faritaj de Sinjoro Isbrücker, Honora Membro de UEA kaj estinta Vicprezidanto. Rekonante la sinceran bonvolon de S-ro Isbrücker, la Provizora Komitato de UEA, juĝante laŭ la spertoj faritaj kun « solenaj subskriboj » ne povas eniri en traktadon, kiuj ligos la estontan komitaton, sen antaŭa precizigo de jura situacio de la ligo, precipe ĝis kia grado subskriboj de ĝiaj estroj estas respektataj. Ne kiel kondiĉo, sed kiel natura komprenebla ĵo, la Ligo forlasu la uzon de la statuto de UEA, la uzurpon de la sistemo de delegitoj, kreita de UEA. Ĝi entute restarigu la staton kia ĝi estis, redonu tion, kio estas al UEA. Unuvorte glata tablo, klara situacio.

Kiam tio estos plenumita, la Prov. Komitato estos preta kunlabori en konvenaj formo kaj maniero pri la divido de la taskoj.

La proksima laboro de la Prov. Komitato estas restarigi la delegitan reton kaj poste procedi al elekto de nova komitato. La erarigaj informoj pri UEA memkompreneble kaŭzis embarason inter la Delegitoj. Necesas certa tempo ĝis ĉio estas sur regula vojo. Konscia pri la graveco de la tasko la nunaj gvidantoj de UEA, neniel deziras konservi tiun ĉi postenon plu ol estas necese. Eblajn riproĉojn de konvertitaj « demokratoj » pro nelaŭstatuta ekzisto ni respondas per la simpla konstato » : Kulpa je la situacio estas tiuj, kiuj per malvero senigis la Asocion je siaj membroj kaj delegitoj, sole rajtigitaj decidi pri la sorto de la Asocio. Estas primitiva taktiko, ke tiuj, kiuj avertas pri situacio nekonforma al regularo, estas precize tiuj, kiuj kreis la plendatan staton.

Estas la jaro de la Jubileo de nia lingvo. Kunvenos la esperantistoj en Varsovio por memori tiun ĉi datrevenon. Meze de mondo malsana, la agantaj esperantistoj klopodas konservi la idealon de interhoma frateco, kontribui en modesta skalo al la restarigo de kompreno kaj respekto reciproka. Nia movado, tiom brile antaŭenirinta, estas minacata hodiaŭ disfali en naciaj branĉoj, el kiuj ĉiu sekvas sian vojon. Ĉu tio estas natura evoluo, aŭ simpla cedo al misteraj fortoj renversantaj ĉion? La perdo de gravaj landoj por nia lingvo kaj por la movado jam nun montras siajn efikojn. La provo kontaktiĝi kun la samideanoj en grava diktatora lando, kie Esperanto vivas, ne havis sukceson. Ĉie kien ni rigardas ni vidas la ĝermojn de disfalo. Kontraŭ tiu ĉi stato la homoj de bona volo leviĝu kaj formu la ringon de konsciaj agantoj. UEA renaskiĝinta reprenas sian malnovan tradicion sur nova bazo, sen balasto, sen ŝarĝo de principoj fremdaj al ĝi. Ĝi ne intencas batali kontraŭ iu ajn sed servi. Kaj por ke en Varsovio kunvenu ne anoj de organizaĵoj sed esperantistoj, la Prov. Komitato de UEA faris interkonsenton kun la LKK en Varsovio kun la celo faciligi al tiu ĉi laboron.

**Kara leganto: Vi nun sciiĝis pri aferoj ne agrablaj. Vi konstatas, ke UEA ekzistas, laboras kaj progresas. Vi eble hezitis ĝis nun realiĝi al ĝi. UEA fidela al ĝia tradicio ne malpermesas al vi aparteni al tiu aŭ alia organizaĵo. Ĝi ne faras konsciencpremon. Hodiaŭ ni alvokas vin ree partopreni en la granda familio de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO per via aliĝo. Se viaj rimedoj tiom permesas aliĝu kiel Subtenanto. Se vi opinias, ke pro tiu aŭ alia motivo membreco ne estas ebla, tiam vi povas aboni la gazeton ESPERANTO.**

**Esperante ke ni povas ree kalkuli je vi kiel anon de nia Asocio, ni salutas vin kore kaj samideane.**

**Universala Esperanto-Asocio**
**Provizora Komitato**

**K. M. Liniger. Prezidanto.** **Renaud Richez Vicprezidanto.**

**Kun la nuna numero estas sendataj :**

**Al ĉiuj aliĝilon kun listo de premioj.**

**Al ĉiuj Delegitoj nunaj kaj eksiĝintaj la formulon « Demandaro ».**

# VARSOVIO
# la urbo de nia Jubilea Kongreso

Okuloj de la tutmonda Esperantistaro estas direktataj al Varsovio, ĉefurbo de Polujo, kiu ankaŭ ĉi-jare estas ĉefurbo de la vasta kaj bela Esperantujo. Ja en tiu ĉi urbo okazos nia Jubilea Kongreso, solena kaj impona festo. Tial ni konatiĝu kun Varsovio, kiu jam laŭte vokas:



Fot. Henryk Poddebski. El kolektoj de Pola Trafikministerio Turisma Fako.
Mezepoka Varsovio. Ĉefplaco en malnova urbo.

BONVENON AL LA TUTMONDA SAMIDEANARO!

Multaj jarcentoj pasis de tiu tempo, kiam ĉe la bordo de la larĝa kaj bela Vistulo, trafluanta la marĉ-kaj arbarriĉan Mazowsze /elp. Mazovŝe/ ekkonstruis siajn kabanojn la unuaj fiŝkaptistoj. Kaj verŝajne de la nomo de tiu unua fiŝkaptisto, kiu ekkuraĝis eklogi sur abrupta bordo de Vistulo — Warsz /elp. Varŝ/, mallongigo de Wartislaw, ricevis sian nomon la ĉefurbo de Polujo Warszawa /elp. Varŝava/. Antaŭe certe estis Warszowa, ĉar la finaĵo « owa » signifas apartenon tial latine estis /Varsovia » ne « Varsavia ».

Varsovio ne apartenas al la plej malnovaj urboj de Polujo. Jam delonge ekzistis Poznan, Krakovo kaj aliaj urboj, sed sur la lokoj de la nuna pola ĉefurbo ankoraŭ kreskis densaj arbaregoj, kie regis ursoj kaj uroj.

La unuan mencion pri Varsovio ni trovas nur en la jaro 1251 en la dokumento de Poznan'a episkopo Boguchwal. Sed tamen, jam tiam ekzistis duka kastelo kaj preĝejo. Efektive la urbo estas ekkonstruita de la jaro 1254.

Troviĝinte en tre favoraj geografiaj kondiĉoj, en la preskaŭ geometria centro de la lando, kie trafluas la plej gravaj riveroj kaj sekve komercaj vojoj, Varsovio posedis ĉiujn necesajn kvalitojn por fariĝi la ĉefurbo. Sed limigita per preskaŭ netraireblaj marĉoj de la aliaj partoj de la lando, Duklando Mazowsze estis multe malfruiĝinta en sia kultura disvolvo. Ja la civilizigo fluis el la sudo, de la bordoj de la Nigra Maro, laŭlonge de Karpatoj. Tio estis la vojo de aziaj komerco kaj influo. La kulturo de Mediteraneo-landoj enpenetris potence tra Bohemia Pordego /inter Karpatoj kaj Sudetoj/. Grandan signifon havis ankaŭ la normanda kulturo je Pomeranio. Mazowsze malgraŭ sia centra situo, estis for dum longa tempo de diversaj kulturaj influoj. Tial ni ne miru, ke Mazowsze ne trapasis periodon de la humanismo kaj reformacio, kaj en arĥitekturo ni ne trovas restaĵojn de la originala renesanco tiel abundajn en Poznan kaj Krakovo, sed nur gotikon kaj barokon.

Eksterlande oni aŭdis pri Varsovio la unuan fojon en la jaro 1339, kiam Polujon venis specialaj delegitoj de l' Papo por juĝi la kruckavalirojn. De tiu tempo Varsovio komencis rapide disvolviĝi, sed ĝi ricevis signifon de la ĉefurbo de Polujo nur en 1569, kiam Sejmo /parlamento/ Lublina fiksis ĝin kiel sidejon de Sejmoj de Polujo kaj Litovujo. Tamen formale kaj fakte la ĉefurbo de Polujo estis ankoraŭ Krakovo. Nur en 1596 la reĝo Sigismundo III translokigis la ĉefurbon el Krakovo Varsovion. Laŭ lia ordono anstataŭ malgranda modesta rezidejo de iamaj dukoj de Mazowsze oni konstruis la reĝan kastelon, ĝis nun ekzistanta. /nuna rezidejo de la Prezidanto de Pola Respubliko/. En la sama tempo estis konstruitaj aliaj multaj belaj palacoj. Tiam gravan signifon havis jam la urbanaro kaj de tiu ĉi epoko devenas malnova parto de la urbo kun granda placovendejo Rynek, borderita de belaj karakterizaj domoj.

Sed venis la jaro 1655, jaro de « Diluvio » priskribita de la fama pola verkisto Henryk Sienkiewicz, kiam la ĉefurbon okupis svedoj kaj kiam multaj trezoroj estis forrabitaj kaj palacoj ruinigitaj. Dum pluaj jaroj Varsovion okupis jen sveda jen rusa militistaroj, kio kompreneble malbone influis la staton de la urbo.

Venis la epoko nomita Saksa. Lukso de la reĝa kortego restigis multajn valorajn memorajn, interalie palacon, ĝardenon Saksan kaj placon /nuna placo de Marŝalo Józef Pilsudski/. Tiutempe disvolviĝis diversaj belartoj. En 1746 estis fondita biblioteko de fratoj Zaluski, enhavanta 300.000 volumojn. En la sama periodo ekaperis la unuaj gazetoj.

Post granda brulego de Varsovio en 1769 la reĝo Stanislao Augusto Poniatowski rekonstruigis la palacon en belega Lazienki / la plej granda parko en Varsovio — 66 ha/, kies salonoj estis pentritaj de la fama Bacciarelli. Samtempe oni konstruis teatron sur insulo, kie ĝis nun de tempo al tempo okazas teatroprezentadoj. El la norda flanko de la palaco la perspektivon fermas la bela monumento de la reĝo Johano Sobieski, ĉizita de Pink.

De la jaro 1796-1806 Varsovio apartenis al Prusujo, poste okupis ĝin la armeo de Napoleono. Tiu ĉi periodo postlasis nenion rimarkindan. La Viena Kongreso, okazinta en 1814, fiksis la Polan Reĝlandon. Tiutempe oni multe beligis la urbon, oni faris multajn konstruaĵojn, interalie Belvederon /la lasta rezidejo de Marŝalo Pilsudski/ Instituton por Blinduloj kaj Surdmutuloje oni starigis monumenton al Kopernik, ĉizitan de Thorwaldsen kaj ankaŭ estis mendita ĉe li la monumento al Princo Poniatowski. Ankaŭ oni ekkomencis konstrui operejon.

En la j. 1818 estis fondita la Varsovia Universitato, Politeĥnika Lernejo, astronomia observejo. Tiam kreis Chopin kaj Krasinski. Varsovio estis vera kultura centro de tiama Polujo.

Sed post la malsukcesinta insurekcio en j. 1830/31 komenciĝis malhela epoko de regado de la rusa « Princo Varsovia » Paskiewicz /elp. Paskjeviĉ/. Estis konstruita citadelo, kies kanonojn oni direktis kontraŭ la urbon... Ĉiuj civitanaj rajtoj de la loĝantaro estis nuligitaj. Senindulge subpremadis ĉion la regado de la caro Nikolao I. Malmute ŝanĝiĝis dum la regado de la sekvonta caro Aleksandro I kaj en januaro de jaro 1864 eksplodis nova insurekcio, kies kapo kaj koro estis Varsovio. Ankaŭ ĝi vidis la tragikan finon, kiam sur la deklivoj de la citadelo oni pendigis 5 membrojn de la Nacia Registaro.

Dum la postinsurekcia reakcio Siberio, konfiskadoj kaj diversaj persekutoj estis ĉiutagaj aperaĵoj, tamen la spirita vivo de la ĉefurbo ardis kaj floris. Ankaŭ la mastrumada vivo estis kontentiga. Aperis novaj urbopartoj, parkoj, malsanulejoj, tramoj.

La rusa revolucio de 1905 multe instigis la nacian vivon. La fama pola verkisto Sienkiewicz /elp. Sjenkjeviĉ/ tiam diris... « ekbrilis al ni la unuaj radioj de libereco kaj ni atendas nur aperon de ĝia suno ».

...Kaj en la novembraj tagoj de la j.1918 Varsovio fariĝis la ĉefurbo de la libera, sendependa lando.

Nun Varsovio kreskas kaj plibeliĝas de tago al tago. Multaj modernaj domblokoj, eĉ tutaj novaj urbopartoj estas konstruitaj. Oni starigis novajn monumentojn. Elkreskas novaj belaj konstruaĵoj, ministrejoj, lernejoj, muzeoj, teatroj. La urbo ĉiam moderniĝas. Starante sur meza vojo inter la oriento kaj okcidento la urbo havas ĉiujn eblecojn de la bona disvolviĝo. Tamen ankoraŭ nun rimarkiĝas en la urbo influoj de ambaŭ kulturoj kaj de la longa fremda jugo. Tiel ekzemple, en la centro de Varsovio al grandaj modernaj konstruaĵoj modeste sin premas unu-duetaĝaj domoj, sur pavimoj rapide ruliĝas aerodinamaj aŭtomobiloj kaj ĉevaloj vipataj de veturigistoj tiras fiakrojn, ĝenerala ŝatata amuzaĵo de eksterlandanoj venantaj en la urbon.

Kaj fine ĉu ni devas ankoraŭ aldoni, ke Varsovio estas urbo kara al ĉiu Esperantisto. Ja en tiu ĉi urbo vivis, laboris kaj mortis nia neforgesebla Majstro, ardo de Lia ideo kaptis la unuajn disĉiplojn kaj el Varsovio « per flugiloj de l'facila vento » disiĝis tra la vasta mondo la « nova sento ».

I. Dratwer.



Fot. F. Przypkowski.
Moderna Varsovio. „ Nubskrapulo " — Placo de Napoleono.

# Vojaĝo tra bela Pollando



Foto : H. Poddebski. El kolektoj de Pola Trafikministerio Turisma Fako

Krakov. Reĝa Kastelo sur Wawel.

Mi rakontos al Vi iom pri Pollando.

Mi ne volas enprofundiĝi en la malnovan historion, mi ne volas tuŝi la flaviĝintajn foliojn, parolantajn pri la grandeco kaj gloro de Pola Respubliko. Ne estas ja facile en kadro de mallonga artikolo fermi la miljaran vivon de la granda nacio. Mi volas desegni al Vi nur malgrandan bildon de Pollando, mi volas prezenti al Vi nian landon tia, kia ĝi estas nuntempe.

Ni faru do en la fantazio vojaĝon tra Pollando.

Se Vi venos al ni el nord-oriento, tiam la unua impreso donos al Vi eble elreviĝon. Vagonaro, iranta de Turmont — de pola limo — al Varsovio, ruliĝas tra plataj ŝajne monotonaj ebenaĵoj, bruetantaj je plenaj grenspikoj, kie la okulo ripozas nur sur blankaj al la tero alpremitaj dometoj, dronantaj ofte en flor-kaj fruktĝardenoj.

Malproksime sur la horizonto trakuras tie kaj ie verda muro de pin-kaj foliarbaroj. Jen ĉio !

Pretervojaĝante tiujn ĉi ebenaĵojn, al kiuj nia lando ŝuldas sian nomon / kampo en pola lingvo estas : pole, Pollando-Polska/, Vi eble miros pri monoteco de nia pejzaĝo.

Por ni tiu ĉi ebenaĵo de Mazowsze /elp. Mazovŝe/ havas specialan ĉarmon. Ĝi estas plata kaj enuiga, se oni ĝin rigardas el fenestro de vagonaro. Se oni tamen piediras ĝin per paŝo de semanto, se oni iras renkonte al tiuj ĉi kampoj kun malfermita koro, kiam oni stariĝas sur rando de l'arbaro, havante antaŭ si ondantan oran maron de spikoj, tiam ĉi-ebenaĵo ĉesas ŝajni monotona neinteresa plataĵo. Ne, neniam !

Kaj kiam Vi iros vilaĝon inter fruktĝardenoj, aŭ eniros kortojn plenajn de zorgemo de terkulturisto, tiam ĉio, kion Vi vidas ĉirkaŭe, ricevas tute specialan valoron kaj signifon, tiam ĉio ĉirkaŭe komencas simili al vivo de abelaro kun ĝiaj klopodoj kaj ĝojoj.

Ne pensu tamen, ke Pollandon formas nur ebenaĵoj !

En la nord-oriento /oriente de la fervojlinio Turmont etendiĝas grandega kaj pitoreska regiono Braslawszczyzna /elp. Brasŭavŝĉizna/, kiun oni povus nomi « Pola Finnlando ». Granitoj lagoj kaj arbaroj... Vera « millaga lando ».

Pli sude de ĉi tie estas tre interesa parto de nia lando : tio estas Polesie ĉe la rivero Prypec, t.n. lando de grandaj kotoj kaj marĉoj, kie — oni diras — en aŭtuno kampulo kune kun veturilo kaj ĉevalo povas subteriĝi. En tiu ĉi landparto, kiu en Mezeŭropo estas vera kuriozaĵo, loĝas malmulte da homoj. Rusujo, por kiu manko de vojoj kaj dezerteco de terenoj havis valoron laŭ strategia vidpunkto, gardis siatempe tiujn ĉi marĉojn, opiniante ke ju pli da koto, des pli bone.

Nuntempe en Pollando estas preparitaj konvenaj planoj por sekigi tiujn ĉi terenojn, kiuj poste servos al ni kiel grandaj kampoj por grensemado. La laboroj tiucele estas komencitaj.

En orienta parto de Pollando disvastiĝas, venantaj preskaŭ al la ĉefurbo, grandegaj arbaroj, kiuj kaŝas nemezureblan riĉaĵon de Pollando. Tie estas malnova arbarego de Bialowieza/ elp. Biaŭovjeĵa/, kie pinoj kaj abioj intermiksiĝas kun centjaraj kverkoj, arbarego multloke ankoraŭplena de bestoj, arbarego minacanta per netraireblaj marĉoj, arbarego posedanta siajn kaŝlokojn kaj erarvojojn, siajn misterojn kaj sekretojn.

En la nordo Pollando prezentas ondecan altaĵon, t.n. Kaŝuban Svislandon, kun amaso da belegaj kaj grandaj lagoj. Pli norde la altaĵo malsupreniĝas al la marbordo, kie en ritmo de kolosaj maŝinoj ĉiutage kreskas kaj pligrandiĝas fiero kaj la plej amata infano de ĉiuj poloj — Gdynia, la nova pola haveno ĉe Balta Maro.

Kaj nun ni vojaĝu suden kaj sud-okcidenten.

En Silezio jam de malproksime la vojaĝanton per vagonaro salutas arbaro da kamentuboj kaj fabrikfumegoj.



Foto : H. Poddebshi. El kolektoj de Pola Trafikministerio Turisma Fako.

Gdynia. Pola karbhaveno ĉe Balta Maro.

Grandegaj siluetoj de fabrikoj, de metalfandejoj kaj minejoj premas per sia potenco, kaj nokte rigardas la alveninton per milo da sorĉe lumigitaj fenestroj kaj per brilo de senĉese brulantaj fajreroj.

Silezio !

Ŝtalaj pulmoj de Pollando, centro de grandega industrio kaj lando de tiel nomataj nigraj diamantoj !

Ni vojaĝu nun pli suden.

Antaŭ ni la montaro Okcidenta Beskido, kaj malproksime sur la horizonto desegniĝas ĉielatingaj montoj Karpatoj. Tiu ĉi suda parto de Pollando kun sia neesprimebla ĉarmo de preskaŭ sovaĝa montaro havas nenion similan en Eŭropo.

La granitaj Tatroj, duaj laŭvice post Alpoj koncerne la altecon, estas — ŝajnas al mi — pli belaj ol Alpoj. Tiujn ĉi lastajn malbeligis la civilizo. Ĝi kunligis la montpintojn per ŝtalaj ŝnuregoj kaj alkroĉis al ili vagonojn; ĉe piedoj de la akvofaloj ĝi lokis reklamojn de grandaj firmaoj kaj de turismaj oficejoj, kaj en la plej belaj deflankejoj ĝi aranĝis kafejojn kaj dancejojn.

Tiurilate Tatroj evitis malbonan sorton.

Turisto, kiu amas monton, kompreneble trovos tie rifuĝejojn, trovos gvidistojn kaj ŝoseojn por aŭtomobiloj, sed dum tutaj tagoj aŭ semajnoj — se li volas — li povas vagi kun sako surdorse kaj renkonti neniun krom paŝtistojn kaj ŝafojn, kies sonoriletoj sonoras sur montaj herbejoj.

En niaj montoj estas tiel mirinde belaj valoj, lagoj, torentoj kaj akvofaloj, ke se Vi ilin ekvidos, neniam Vi ilin forgesos.

Pollando estas granda kaj bela, ne nur bela, ĝi estas ankaŭ riĉa. Havante terkulturistan karakteron / pli ol 60 % da loĝantaro vivtenas dank' al laboro sur kampo/, Pollando posedas nemezureblajn naturajn riĉaĵojn. Ĝi havas grandegajn karbospacojn, nafton, feron, zinkon, fosfaton, salminejojn ktp. Ĉi-ĉio permesas disvolvi la potencan industrion, starigante Pollandon en vico de memstaraj, gigantaj, mastrumaj organismoj en Eŭropo.

Se Vi venos Pollandon, io frapos Vin : eksterordinara ritmo de laboro. Ni konstruas ŝoseojn kaj fervojojn, pontojn kaj publikajn konstruaĵojn, lernejojn kaj hejmojn por laboristoj. Kvazaŭ pro tuŝo de sorĉilo aperas ĉiam novaj industribranĉoj, ĥemiaj fabrikoj, esplorlaborejoj. Ni elektrizas la landon.

Hodiaŭa Pollando havas, mi povas diri, du vizaĝojn. Unu estas kvazaŭ hejmo de nova koloniisto : en ĝi estas multe da plenumitaj laboroj kaj multe da novaj intencoj; la alia celas rekonstruі tion, kio iam estis grandioza kaj kion la centjara mallibereco kaj la granda mondmilito preskaŭ tute ruinigis.

Kiam venis la Eŭropa milito, la brulruĝo, eklumigita super la Eŭropa kontinento, estis por ni samtempe rebrilo de la leviĝanta aŭroro kaj antaŭdiro de pli feliĉaj tagoj.

(Halina Weinstein).



Foto : H. Poddebski. El kolektoj de Pola Trafikministerio Turisma Fako

Wilanow. Palaco de reĝo Johano Sobieski III-a. : 17-a jarcento

# Dokumentoj pri la Jubilea Kongreso 1937

Bela dokumento pri la maniero laŭ kiu oni informas la esperantistan publikon, estas la jena okazintaĵo. UEA laŭstatute organizas la kongresojn universalajn. LKK en Varsovio dum la Viena kongreso subskribis kun la tiama Direktoro de UEA, C.C. Goldsmith la bazan interkonsenton, de la Loka Kongresa Komitato kun la UEA.

Post la disrompo de la movado, ne atendante decidon de la Tribunalo kaj opiniante, ke neniu sin trovas por daŭrigi la agadon de UEA, la nova ligo kredigis ke ĉio tutsimple transiras al ĝi. Kontraŭe la LKK en Varsovio konsciis, ke estas laŭjure nur UEA, kiu organizas la kongreson (ĉar la LKK informiĝis ĉe juristo verŝajne, aŭ havas tian inter si).

La Provizora Komitato de UEA opiniante, ke la Varsovia kongreso devas esti sub la signo de esperantista frateco kaj konkordo, ekzamenis la problemon kaj komisiis S-ron Hans Jakob, trakti kun LKK pri plej bona solvo de la problemo. La rezultato estas la Interkonsento jam publikigita.

De sia flanko, la nova ligo intencis submetigi la LKK en Varsovio al siaj deziroj. Tion la LKK rifuzis pro bone kompreneblaj kaŭzoj. Ĝi ne deziras ke la Jubilea kongreso estu kongreso de unu flanko de nia movado.

La rezultato de la intertraktado de la LKK kun Sinjoro Goldsmith, ĝenerala sekretario de la ligo estas interkonsento, tekste preskaŭ identa kun tiu farita kun UEA.

Pri tio la Naciaj Societoj devis voĉdoni (en pli gravaj aferoj tia skrupulo ne ekzistis !) kaj la rezultato ja ne povis esti alie : Jubilea Kongreso por ĉiuj, sen escepto, sen kvereloj, sen intrigoj. Ni konstatu, ke la bonsenco ne tute forlasis la homojn.

Sed kion oni devas vidi ? En « Heroldo de Esperanto » aperis sub Oficiala Informilo de IEL informo, kiun ni represas tie ĉie : (HdE, 11 (918) 21-3-1937).

*Universalaj Kongresoj*

*En la organo de UEA de 25.2.1937, s-ro Jakob publikigis artikolon pri la Varsovia Kongreso, kiu estas klara incito kontraŭ IEL. Ni opinias, ke s-ro Jakob per la publikigo de tia artikolo faris malbonan servon al la Varsovia L.K.K. kaj al la Jubilea Kongreso mem.*

*Unue, per tiu artikolo, li malkovris publike — kio ĝis nun estis konata nur de malgranda rondo — ke li superruzis la L.K.K.-on doni ĝian subskribon al dokumento kiu laŭdire estas « interkonsento » kun la provizora komitato de U.E.A. (kvankam Pola Esperanto - Delegitaro tiutempe jam aliĝis al IEL) sed kiu laŭsence estas klare direktita kontraŭ IEL.*

*Krome, en tiu artikolo s-ro Jakob jam anticipas decidon, kiun laŭ la nunaj cirkonstancoj povos preni nur la gvidantoj de IEL rilate al la Universala Kongreso en 1938.*

*La Estraro de IEL kunvenos je Pasko kaj tuj poste ni presigos informon pri tiuj ĉi aferoj, kiu, ni esperas, kontentigos ĉiun membron de IEL.*

Verdire..... tio estas forta tabako ! La tuta LKK en Varsovio, konsistanta al homoj de praktika senco, kaj el samideanoj konantaj la movadon, estis superruzita de Hans Jakob ? Kia dokumento de spirita malriĉeco estas tiu ĉi supra Oficiala Informilo. La aŭtoro meritas laŭrokronon !

Ni legis la Interkonsenton faritan kun IEL. Sed strange... mankas en ĝi grava parto !

Ni represas la tekston de ambaŭ inter konsentoj :

Kion signifas tio ĉi ? Per ĉiuj kombinoj IEL volas nepre kredigi, ke UEA ne plu ekzistas. En normala tempo, tiaj aferoj ja kondamnus la aŭtoron en la okuloj de ĉiu korekte pensanta homo. En nia nuna tempo valoras nur tiu, kiu blufas, kiu daŭre ridetante certigas al la mire aŭskultanta homaro, ĉion belan.

Ni lasas al la legantoj de ESPERANTO la prijuĝon.

Kiel ni scias, la LKK Varsovio energie plendis ĉe la prezidanto de la Ligo pro ĉi-tiuj faktoj.

Kaj por ke ĉiu konvinkiĝu pri la praveco de la plendo de l' LKK kaj de ni, servu jene la du Interkonsentoj 1) kun UEA 2) kun IEL. La lastan ni publikigas laŭ la ricevita kopiaĵo kaj laŭ la Kongresa Bulteno.

En la teksto de l' Interkonsento kun IEL kaj publikigita en ties organoj, mankis la lasta frazo.

### Interkonsento

Inter Provizora Komitato de UEA kaj la LKK de la 29 Universala Kongreso de Esperanto dum kunsido okazinta la 19an de Decembro en Varsovio estas farita la sekvanta interkonsento :

Penetritaj de la arda deziro, ke la Esperantistoj de la tuta mondo povu partopreni en kora interkonsento sian Jubilean Kongreson en Varsovio la lulilo de nia lingvo, la Komitato de la 29-a Universala Kongreso de Esperanto interkonsentas kun la Provizora Komitato de UEA pri suba aranĝo :

LKK organizas Jubilean Kongreson sendepende de iu ajn, sin turnante rekte al la samideanoj de la tuta mondo.

La plenumo de la laŭstatutaj devoj rezultantaj el aranĝoj de la Jubilea Kongreso estas ĝisplue prokrastataj.

Jubilea Kongreso en ĉiuj formalaj kaj praktikaj demandoj sekvos tradicion de ĝisnunaj Universalaj Kongresoj.

La du Komitatoj esperas, ke tiu ĉi interkonsento, farita sole kaj nure en la intenco akceli harmonion inter la Esperantistoj helpos al la Jubilea Kongreso en Varsovio fariĝi memorinda manifestacio en la vera spirito de nia Majstro D-ro Zamenhof.

Tiu ĉi unua teksto estas la interkosento kun UEA. La sekvanta, la interkonsento kun IEL. Rimarkinde estas, ke en ties teksto, aperinta en la organo de IEL, mankis la tuta lasta alineo « La du Komitatoj..... nia Majstro Zamenhof. »

### Interkonsento

Inter Provizora Komitato de IEL kaj LKK de la 29a Universala Kongreso de Esperanto dum kunsido, okazinta en Varsovio la 7-an de Januaro 1937 estas farita la sekvanta interkonsento :

Dezirante, ke Jubilea Kongreso en Varsovio estu plej sukcesa, LKK de la 29-a Universala Kongreso de Esperanto kaj la Provizora Komitato de Internacia Esperanto-Ligo, ambaŭ penetritaj de arda deziro ebligi al ĉiuj esperantistoj partoprenon en la Jubilea Festo de Esperanto en la lando kie naskiĝis la Majstro kaj Lia genia verko, interkonsentas jene :

LKK organizas la Jubilean Kongreson sendepende de iu ajn, sin turnante rekte al la samideanoj de la tuta mondo.

Tiucele la LKK varme petas kaj esperas aktivan kunlaboron de ĉiuj landaj organizaĵoj esperantistaj por organizi kaj sukcesigi Kongreson. Iliaj reprezentantoj konsistigos Internacian Porkongresan Komitaton, kun kiu LKK interkonsilos en programaferoj.

LKK ne organizas mem laborkunsidojn. Ili estos organizataj aparte de IEL kaj UEA.

La du Komitatoj esperas ke tiu ĉi interkonsento, farita, same kiel la interkonsento de LKK kun Provizora Komitato de UEA, sole kaj nure en intenco akceli harmonion inter la Esperantistaro, helpos al la Jubilea Kongreso en Varsovio fariĝi memorinda manifestacio en la vera spirito de nia Majstro Zamenhof.

# Post Varsovio 1937 ni kongresu en Berno 1938

ESPERANTO-SOCIETO BERN
34, Pappelweg, Wabern ap. Bern.

25an de Aprilo 1937

Universala Kongreso
de Esperanto 1938

Estimataj Samideanoj,

dum Pasko kunsidis en Londono la komitatanoj de IEL kaj tie elektis

*Londonon kiel lokon por*
*Universala Kongreso en 1938*

Jen la kaŭzo, kiu igis informi vin pri la sekvanta afero.

Okaze de la U.K. en Vieno 1936, la reprezentanto de Svisa Esperanto-Societo, D-ro Ed. Spielmann, interrilatis kun la komitato de UEA klopodante, ke la kongreso en 1938 okazu en Bern. Oni al li respondis, ke jam sin anonciĝis du kandidatoj por la U.K. 1938, nome Kopenhago kaj Oslo. Pro tio kaj per la argumento, ke la kongreso estos donata nur al loko kie invitas registaro, la komitato respondis, ke ĝi prokrastis la decidon. De tiu tempo, D-ro E. Spielmann vigle laboradis celante, ke la Svisa Registaro invitu la kongreson 1938. Li sukcesis.

Komunuma Konsilantaro de la Urbo Bern per letero de la 10a de Novembro 1936 petis la Svisan Esperanto-Societon proponi Bern kiel lokon por la U.K. 1938. La Svisa Federacia Konsilantaro [Svisa Registaro] per letero de la 9a de Februaro 1937, direktita al Svisa Esperanto - Societo, Svisa Esperanto-Instituto kaj Esperanto-Societo Bern, sciigis ke ĝi salutas, se la Universala Kongreso de Esperanto 1938 okazus en Bern kaj ke ĝi rajtigis la Ministerion por Poŝt-kaj Fervojaferoj alpreni la honorpatronaton de la kongreso. Krome la Politika Ministerio transsendus al la eksterlandaj registaroj la kongresinviton. Ke ĝi unuvorte subtenus la kongreson diversflanke.

Laŭ la statutoj de UEA la loka esperantistaro invitas kaj organizas la kongreson. Konformiĝinte al tiu punkto, la loka grupo proponis Bern kiel kongreslokon 1938, kun la morala apogo de landa asocio, nome Svisa Esperanto-Societo, kaj skribis tiurilate al UEA kaj IEL. Konsiderante la fakton de la reganta skismo kaj ekzisto de UEA kaj IEL, la Berna grupo proponis organizi la kongreson de 1938 en simila formo kiel tiu de Varsovio en 1937, se intertempe ne okazus interkonsento inter IEL kaj UEA, speciale koncerne la U.K. Laŭ ĝisnuna kutimo, 20% de la kongresenspezoj estis transdonitaj al UEA kiel licen-pago. Tiurilate la Berna societo faris specialajn proponojn; ekzemple, ke la enspezoj servu unue por kovri la elspezojn porkongresajn kun rajtigo de UEA kaj IEL disponigi kaskontrolantojn.

UEA akceptis principe la inviton de la Urbo Bern, Svisa Registaro kaj Berna E.-Societo dume la komitato de IEL pro al ni nekonataj, sed supozeblaj motivoj donis nean respondon.

La motivoj : nekonformeco de la berna propono al la statuto de UEA nek al tiu de IEL. La statuton de IEL neniu konas, ĉar ĝis nun ĝi ja ne havis (vidu Heroldo de Esperanto N° 15/922 de la 18a IV. 1937. Kaj koncerne la statuton de UEA : nur la propono pri la procentaĵo de la elspezoj ne estas laŭregulara, sed tiun proponon ni ja nur faris pro la fakto de la nuna duvojeco. Cetere kiam oni vidas la kalkulojn de pasintaj kongresoj oni ne povas diri, ke nia propono ne estas atentinda. Alia motivo por la nea respondo : la nealiĝo de Svisa Esperanto-Societo al IEL. Efektive ĝi ne aliĝis kaj dum jus pasinta jarkunveno ree decidis atendi, ĝis kiam IEL kaj UEA sin trovos sur komuna grundo.

La motivoj aluditaj ne estas, laŭ nia opinio sufiĉe gravaj por nei al ni bernanoj la rajton organizi la Universalan Kongreson. La Svisa Esperanto-Societo konscie kunlaboris en la internacia movado en la diversaj fazoj kiujn tiu trapasis kaj se la estinta komitato estus aginta laŭ senriproĉa maniero, Svisa Esperanto - Societo neniam vidus motivon por ne esti en la ligo de landaj asocioj. La pretendo de la komitatanoj de IEL estas do vere iomete forta kaj diktatoreca.

Strange estas nun, ke nek Kopenhago nek Oslo invitis la samideanaron por kongresi inter siaj muroj. Strange estas ankaŭ, ke subite ne plu estas necesa Registara Invito, ne plu valoras la voĉo de la popolo esperantista okaze de la kongreso en Varsovio. La komitato simple decidas, la Kongreso okazos en Londono. Kiel okaze de la intencita translokigo de UEA sidejo al Londono, oni metas la popolon antaŭ fakton, nenion pli nenion malpli. La alta komando ordonis, la sekvantaro sekvu. En la raporto pri la Paska kunsido de IEL-Komitato vi ne vidas vorteton pri kiu invitis la kongreson. La Oficialan inviton oni verŝajne prizorgos poste; nun ŝajne

invitis la sekretario de IEL.

Flanke de la demando, ĉu Svisujo estas evitinda lando malgraŭ la ĝisnuna fidela kunhelpo en la movado, malgraŭ la elstaraj esperantistoj kiujn ĝi donis al la movado, stariĝas la alia demando ĉu la esperantistoj iru precize tiam al Londono, kiam ĉiuj Londonanoj klopodas forfluĝi al la marbordo aŭ veni ĝui la freŝecon kaj fortigan alpan aeron en bela Svislando. Ĉu la esperantistaro prefere traveturadas en dubaera subterfervojo la plej grandan urbegon de la mondo aŭ ĉu ĝi ne pli trafe vojaĝus al la piedo de la montaro por respiri vivigan aeron, vidi majestajn montegojn, kaj en tia naturo forgesi la neagrablaĵojn de la esperanta organizo. Oni ja povas supozi ke ĝis tiam la interligo UEA-IEL estos farita. Ĉu ne demandu kian plivigligon donos kongreso en Londono kaj kian en lando malgranda, meze de Eŭropo, en lando sen pretendo, kie la kongresvoĉo verŝajne pli forte resonos kaj instigos al nova esperanta vivo. La eksterlandaj esperantistoj venantaj Svislandon do kunigos la agrablan kun la utila. Sendube estas multaj samideanoj kies arda deziro estas foje vidi aŭ revidi Svislandon. Jen okazo por ĝi. Ĝi ne revenos tuj, ĉar okaze de la Viena kongreso oni informis nian reprezentanton, ke la kongresoj 1930 kaj 1940 estas kvazaŭ fordonitaj. Stariĝas ankaŭ alia demando : Post 1920 la Esperantistaron jam kunvenis dufoje en Britujo : Edinburgh 1926, Oxford 1930. Dume en Svislando unu solan fojon en 1925 Genève. Pasis depost Genève 12 jaroj, longa interspaco por pravigi inviton ree kongresi en tiu ĉi lando.

Por koni la pensojn de niaj samlingvanoj eksterlandaj, ni petas vin bonvolu pritrakti la aferon « U.K. 1938 » en via grupo, en via asocio, kaj skribu al ni ĉu vi venos 1938 Svislandon, aŭ kiom el via grupo, el via landa asocio intencas veni Svislandon.

Kun samideanaj salutoj

G. Rotach prezidanto.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

1, Tour de l'Ile, Genève, Svis.

## La premiaro dum 1937

1) **Premion de frupago** rajtas elekti ĉiu malnova ano, kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 31 Majo 1937 (por la jaro 1937).

2) **Premion** rajtas elekti ĉiu **nova** ano dum la daŭro de l'administra aro (de l'1-a Nov. 1936 ĝis 31 Oktobro 1937).

3) **Premion** de varbado rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio.

4) **Premion de Subtenanto** rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon.

5) **Premion** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6) **Premion** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

7) **Premion** oni rajtas elekti : Frupaganto de kotizo por 1937 : M unu, MA du numerojn el la listo. — Varbanto same por M kaj MA.

## Premioj por frupago kaj varbado

**1** **Bildo de D-ro Zamenhof,** kreinto de nia lingvo. Fotoreproduktaĵo, 10,5 × 15 cm.,brunkolora sur luksa kartono.

**2** **Otto Ginz :** *Radio-Vortaro Kvinlingva.* Angla, Ĉeĥa, Esperanta, Franca, Germana. 11 ×15 cm. 218 paĝoj.

**3** **P. Firu - S. Pragano :** *Rumana bonhumoro* en elektitaj rakontoj. 12,5 × 18,5 cm., 52 paĝoj.

**4** **S. Grenkamp :** *Pola folkloro kaj popolkanto.* Kun antaŭparolo de Prof. Zaleski. 10 melodioj kaj 9 ilustraĵoj eksterteksté. Eleganta libro, plaĉa 12 × 20 cm., 60 paĝoj. Plej bela premio nunjara.

**5** **Ivan Mazuraniĉ :** *La morto de Smail-Aga Ĉengijiĉ.* Heroa eposo kroata, en versoj (Arta kovrilo, bela papero) 21 × 14 cm., 76 paĝoj.

**6** **Goldoni Carlo :** *Kurioza okazaĵo.* Triakta komedio, El itala lingvo tradukis Mevo. Kun ilustraĵoj. 19 × 12,5 cm., 62 paĝoj.

**7** **Prof. Nothnagel :** *La Mortado.* Prelego profundsenta kaj konsoliga. Trad. B. Selzer.
**J. S. Machar :** *Benedek.* Historia portreto el milito 1866. Trad. R. Fridrich. 15 × 21 cm., 24 paĝoj.

**8** **Ekzotika ŝlosilaro de Esperanto :** po unu : Araba, Malaja, Japana, Persa.

**9** **Slava ŝlosilaro :** po unu : Bulgara, Ĉeĥa, Slovaka, Kroata. Slovena, Rusa, Ukraina.

**10** **Puŝkin A. S.:** *Eŭgeno Onegin.* Fama verko de la fama aŭtoro. Versoj, tradukitaj de N. V. Nekrasov. 16 1/2 × 12 cm., 235 paĝoj.

**11** **Hillar S. :** *Enkonduko en la pedagogion.* Historia skizo. 8 × 11,5 cm. 20 paĝoj.
**Vambéry D-ro R. :** *Kriminologio.* Tradukis D-ro V. Toth. 11,5 × 16 cm. 86 p.

**12** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado.* Unu ekzemplero laŭ elekto : Jaroj : 1926, 1931, 1933, 1936.

**13** **Katolika verketaro** konsistanta el 5 libretoj : **Papo Benedikto X-a :** *Kristo kaj la Ligo de Nacioj* — **A. v. Krane :** *Graco atendanta,* rakonto el la tempo de Kristo. — **F. Prast :** *Tarcizio,* drama legendo el prakrista heroa tempo. — *Katolika Preĝareto.* — **Myriam Catalany :** *Klari,* romano.

**14** **E. Drezen :** *Analiza historio de Esperanto-Movado.* Priskribo tendenca laŭ historia materialismo : multaj faktoj forgesitaj. 22 × 14 cm. 94 p. Kun bildoj.

**15** **Kolekto de latinidaj ŝlosiloj :** Po unu : Franca, Itala, Hispana, Portugala, Rumana, Romanĉa.

**16** **Paul Nyssens :** *Bonhumcro.* Esperantigis la aŭtoro mem, laŭ la franca originala verko. 20 × 14 cm., 175 paĝoj.

**17** **André Maurois :** *Bareluloj kaj Fadenuloj.* Moderna fabelo por ge (mal) junuloj. Tradukis el la franca lingvo Berno Fabo. 20 × 14 cm., 104 paĝoj.

**18** **Julio Baghy :** *Viktimoj.* La vivo de militkaptitoj en glacia Siberio dum la mondmilito. Jam tro bone konata verko por esti komentariita. 18 × 13 cm., 240 paĝoj.

**19** **Kabe :** *Internacia Krestomatio.* 108 paĝoj. — **Margaret Gatty :** *Alegorioj el la Naturo.* 66 paĝoj.

**20** Skandinava *Kolekto de ŝlosiloj de Esperanto.* (Po unu) Dana, Islanda, Norvega, Sveda.

## Premioj al Subtenantoj

Ĉiu persono paginta kotizon de Subtenanto por la jaro 1937 rajtas elekti unu premion el la sekvanta listo :

**I.** *Ĉeĥoslovaka Antologio.* Broŝ. eldono.

**II.** *Hungara Antologio,* belega libro, 452-paĝa, monumenta verko ornamo de ĉiu biblioteko.

**III.** *Kataluna Antologio.* Verko rekompencita de la Esperantista Akademio. Kompilita kaj plejparte tradukita de Jaume Grau Casas L. K, Dua eldono. Bela preso, luksa papero, ornamo por ĉi biblioteko, Pli ol 400 paĝoj da teksto. 22 × 16 cm.

**IV.** *Bibliografio de Internacia lingvo.* Plej granda kaj ampleksa dokumento pri la scienco de la internacia lingvo kun grafikoj, skemoj, portretoj. Citas 7.000 verkojn de 2.000 aŭtoroj pri la problemo de la internacia lingvo, por kaj kontraŭ, la diversaj sistemoj de lingvoj inter naciaj. 560 grand-formataj paĝoj.

**V.** Kolekto de verkoj de **Raymond Schwartz,** konsistanta el kvar volumoj : *Verdkata Testamento.* 124 paĝoj. — *Proza Ridetanta.* 172 paĝoj. — *Anni kaj Montmartre.* 126 paĝoj. — *La Stranga Butiko.* 124 paĝoj. — Kune 546 paĝoj de plej humora teksto.

**VI.** **Yoshi H. Ishiguro :** *Praktika gvido de la Korespondo en Esperanto.* 20 × 13 cm., 310 paĝoj. Fortika bindaĵo. — Kvankam por japanlingvanoj, tiu ĉi libro estas unika objekto por esp. libro-amanto. Multaj ilustraĵoj.

**VII.** *Esperanto-ŝlosilaro.* Kolekto de ŝlosiloj de Esperanto en 30 lingvoj, fiksitaj sur fortika kartono aŭ tolo, dufoje faldita, kun agrafoj por pendigi ĉe muro. Belega objekto, interesa reklamilo kaj alloga ekspoziciaĵo.

**VIII.** *Bensona Universala Esperanto Metodo.* 560 p. Bindita.

**IX.** *Arthistorio, Pentroarto en la malnova Hungarujo. Pri Moderna Arto.* Ĉiuj broŝuritaj.

**X.** Elekto libervola de dekdu numeroj de la listo 1-20.

Al ĉiu premio de Subtenanto estas aldonota unu ekz. « Pol-Pomeranio ».

## Preztabelo 1937

| Lando : | Mono : | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Argentino | Pes. | 2.50 | 8.25 | 20 |
| Aŭstralio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Aŭstrio .. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Belgujo .. | Frk. b. | 16 | 40 | 175 |
| Brazilo... | Milr. | 12 | 30 | 80 |
| Britlando | ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| Bulgarujo | Lev. | 50 | 125 | 350 |
| Ĉeĥoslov. | Kĉ. | 20 | 50 | 125 |
| Ĉinujo ... | Dol. | 3 | 7.50 | 20 |
| Danlando | Kr. | 4 | 10 | 25 |
| Egipto .. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Estonio .. | Kr. | 2 | 5 | 20 |
| Finlando . | Fmk. | 40 | 100 | 250 |
| Francujo . | Frk. Fr. | 15 | 40 | 125 |
| German. | Gmk. | Jara abono : 6 Gm | | |
| Greklando | Dr. | 100 | 250 | 800 |
| Hispanujo | Pes. | 8 | 20 | 50 |
| Hungar. . | Peng. | 4 | 10 | 25 |
| Italujo ... | Lir. | 12 | 30 | 90 |
| Japanujo. | Jen. | 3 | 8 | 15 |
| Jugoslavio | Din. | 30 | 100 | 200 |
| Latvio ... | Lat. | 4 | 10 | 20 |
| Litovio .. | Lid. | 8 | 20 | 40 |
| Nederland. | Guld. | 2 | 5 | 10 |
| Norvegujo | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Novzeland. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Polujo ... | Zlot. | 5 | 12.50 | 25 |
| Portugal.. | Esk. | 15 | 40 | 100 |
| Rumanujo | Lej. | 100 | 250 | 800 |
| Svedlando | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Svislando | Frk. | 4 | 10 | 20 |
| Urugvajo | Pes. | 2.50 | 5 | 20 |
| Usono (Kanado) | Dol. | 1 | 2.50 | 5 |

# UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

1, Tour de l'Ile GENÈVE (Svislando)

## Aliĝilo

Mi deklaras mian aliĝon / re-aliĝon ———— kiel :

Membro — Membro-Abonanto — Membro-Subtenanto — Dumviva Membro.

kaj pagas la kotizon de .................... per ĉeko-poŝtmandato-poŝtĉeko-kontante, al Ĉefedelegito.

MI ELEKTAS premion de Frupago n-ro....................

Subtenanto de la listo 1937 n-ro....................

MI VARBIS novan anon : ....................

....................

....................

....................

kaj petas sendi al mi premion de varbado : N-ro ....................

Mi komunikas al UEA por bonvola ekzameno : ....................

....................

....................

....................

Mia nomo : ....................

Mia adreso : ....................

Dato : .................... Subskribo : ....................

## Niaj mortintoj

Kun profunda bedaŭro ni sciiĝis pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni esprimas nian tutkoran simpation kaj partoprenon en la afikto.

Prov. Komitato de UEA.

F-ino Jonjo Herian, MA 32395 en Innsbruck, Aŭstrio.

*D-ro Jan Medrkewicz,* kuracisto en Lublin, 9an de Aprilo 1937. Neatendite nin atingis la sciigo pri la forpaso de nia malnova kunbatalinto. Naskiĝinte en Lublin, D-ro M. esperantistiĝis en jaro 1906 en Varsovio, kiel gimnaziano. De tiu-ĉi tempo li seninterrompe laboris por nia afero, instruante verkante, konsilante. En Lodz, li gvidis la tiean societon kaj fondis sekcion 1930 nomitan scienc-politikan, kun celo krei konstantan kontakton kun registaraj kaj diplomataj rondoj.

D-ro Jan Medrkiewicz estis firma amiko de UEA kaj de ĝiaj principoj. En decida momento li organizis la opozicion al la arbitraj decidoj de la estinta komitato de la Asocio kaj efike subtenis la klopodojn de la Prov. Komitato de UEA. Kun sincera bedaŭro ni adiaŭas tiun ĉi amikon kies memoron ni fidele konservas.

## Al Leonora Wiesenfeld

*In memoriam.*

En profunda malĝojo kaj kun sanganta koro ni staris hodiaŭ ĉirkaŭ la freŝa tombo de la neniam



forgesebla edzino de nia kara amiko Edvardo Wiesenfeld.

La senkompata morto forrabis la junan florantan vivon preskaŭ subite el nia rondo; surdigitaj de tiu-ĉi kruela sortobato, ni ne estas kapablaj, ekkredi, ke foriris de ni por ĉiam la noblanima virino de anĝela boneco, amanta kaj kora amata edzino, modela fratino kaj bofratino.

Vera esperantistino, ŝi dividis kun sia edzo la ĝojojn kaj malĝojojn de lia poresperanta laboro kaj fidele — preskaŭ ĝis la lasta spiro — kuraĝigis lin kaj nin ĉiujn, kiam dum la lasta jaro mallumaj elementoj de Esperanto minacis sufoki nin.

Nun estingiĝis por ĉiam la lumo de serenaj okuloj de la bona feino de Wiesenfelda hejmo.

Ni ĉiuj profunde funebras kun nia orfiĝinta amiko. Sed lian — ho ! kiom pezan krucon li devas porti sola. Ni ne povas mildigi lian doloron, ni volas tamen esperi, ke ni fortigos lin per nia elkora kunsento, nia fidela amikeco kaj nia neŝancelebla konfido.

Ioma konsolo estu por li plua laboro por Esperanto, la laboro de veraj esperantistoj : sen bruo, sen titoloj, sen falso kaj intrigoj laboro por efektivigo de la Zamenhofa idealo.

En la nomo de la Varsovioj amikoj de Edvardo Wiesenfeld.

Dr Paulina Muszkatblat.

## Halo, Halo Radio Ljubljana 569.3 m. 5 kw.

*La 13.an de Majo 1937*

*je la 22.a - 23.a horo*

disaŭdigos Ljubljana la trian ĉijaran Esperanto-vesperon. Esperanta klubo de nove preparis tre interesan Esperantan vesperon sub la nomo « SLOVENAJ SOMERRESTADEJOJ » enhavantan paroladojn, dialogon, trialogon, slovenajn popolkantojn kaj nacian muzikon.

La programo estos jena :

1./ Slovenaj somerrestadejoj kaj kuraclokoj. Prelegos sano Kozlevĉar Joze.

2./ Bled, perlo de Slovenio. Dialogo. Kunlaboros gesanoj Vranĉiĉ Ida kaj Krambergar Franc.

3./ Romantika Bohinj. Prelegos sano Mizerit Deziderij.

4./ Ekskurso al Rogaŝka Stalina. Trialogo. Kunlaboros gesanoj: Cukale Ela, Volk Alojzij kaj Korenc Riko.

Inter unuopaj programpunktoj estos disaŭdigotaj slovenaj popolkantoj kaj slovena nacia muziko pere de harmoniko.

GESAMIDEANOJ TUTMONDAJ ! Auskultu Ljubljanan ! Disvastigu la novajon en viaj naciaj gazetoj, instigu la geesperantistojn kaj konatulojn al aŭskultado ! Esperantaj grupoj kaj organizoj, aŭskultu kolektive !

*Skribu nepre dankesprimojn al la radio-stacio de Ljubljana.*

La ricevitaj dankesprimoj de la estintaj disaŭdigoj konvinkigis la Ljubljanaan radio-stacion, ke ceteraj disaŭdigoj estas dezirataj kaj necesaj. Pri tio ni ne devas ĉesi kun la laboro, ni devas daŭrigi.

Kiel jam dirite, oni ne nur aŭskultu multnombre, sed ankaŭ nepre sendu leteron au karton kun danko, gratulo, kritiko aŭ deziresprimoj !

La radiostacio dezirus vidi la rezulton de siaj Esperanto-disaŭdigoj.

Do, ne forgesu tion kaj skribu !

Samideanaj salutoj !

ESPERANTA KLUBO LJUBLJANA.

**Korespondado**

Fran Svaĉina, fervojisto, Lanzhot 663 (Ceĥoslovakio) dez. koresp. k. ĉ. l. pri postmorta vivo propagandmanieroj, senalkoholo, ne fumado kaj vegetarismo.

# Pro striko en la presejo, okazis kelktaga prokrasto !

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,**
**Red. : Provizora Komitato de U E A**
**Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)**

Dato : 10 Majo 1937

## Ĉefdelegitoj, perantoj, pagejoj de UEA

| | | |
|---|---|---|
| **Argentino** | = | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Aŭstralio** | = | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Aŭstrio** | = | ĈD. Raimund Ĉech, kalkulrevidento, Lindengasse 8. **Wien VII** Poŝtĉekkonto: A.1937.579, Wien. |
| **Belgujo** | = | Pag.: Universala Esperanto-Asocio, Genève, Poŝtĉekkonto: 184.200 Bruxelles. |
| **Brazilo** | = | Rekte al C.O. de UEA [Poŝtmarkoj neuzitaj kun E-teksto akceptataj]. |
| **Britlando** | = | ĈD. Albert E. Hepton, Grafton Street 89.a. **Hull** |
| **Bulgarujo** | = | Per. Rad. K. Triĉkov, ul. Knjajevska 76, **Vratza.** |
| **Ĉeĥoslovakio** | = | ĈD. Frant. Slavík, Teritoria Oficejo de UEA, Praha-47. — Poŝtĉeko UEA 79.236 Praha. |
| **Ĉinujo** | = | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Danlando** | = | ĈD.: A. P. Dueholm, Bryggewangen 4, St. th. København — ö. |
| **Egipto** | = | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Estonio** | = | ĈD. F-ino Helmi Dresen, Postkast 6. **Tallin.** |
| **Finlando** | = | ĈD. O. Laukkanen, Kluuvikatu 5. **Helsinki.** |
| **Francujo** | = | ĈD. Daniel Chagnoux, 10 Rue Rosa Bonheur, **Yzeure** (Allier). Poŝtĉekkonto: Clermont-Ferrand 99.86. |
| **Greklando** | = | ĈD. Stavro Patsouris, 21, Odos Tsamadou, **Athènes.** |
| **Germanujo** | = | Estas akceptataj nur abonoj. Oni informiĝu ĉe C.O. de UEA. Abono tutjara 6.- 1/ jara 3 Gmk. |
| **Hungarujo** | = | Per.: Literatura Mondo (Bleier Vilmos) Soroksári 38-40, **Budapest IX.** Poŝtĉekkonto: 25-168 Budapest. |
| **Italujo** | = | ĈD. Sro. Corrado Cerri, maestro, **Pavana-Pistoiese** (Pisoia). |
| **Japanujo** | = | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Jugoslavio** | = | ĈD. Radomir Klajiĉ, Svetosavska 23, **Beograd**, aŭ pere de la poŝtĉekkonto de UEA, Zagreb 40.759. |
| **Latvio** | = | ĈD. Talivalds Indra, Kr. Barona ieal 104. dz. 19, **Riga.** |
| **Litovio** | = | ĈD. A. Poŝka, Putvinskio 30, 6.8, Kaunas. |
| **Nederlando** | = | ĈD.: Jakob Telling, Schietbaanlaan 106, **Rotterdam.** Poŝtĉekkonto: 242619 Rotterdam. |
| **Norvegujo** | = | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Novzelando** | = | ĈD.: L. E. Dust, 20 Chelsea Str. Miramar, Wellington E.4. |
| **Polujo** | = | ĈD.: Jakob Ŝapiro, 33 ul. Marsz. Pilsudskiego, **Bialystok.** Poŝtĉekkonto: 60.047 Warszawa. |
| **Portugalo** | = | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Rumanujo** | = | Sekr.: F-ino E. Morariu, Str. Gelu 9, **Cluj.** |
| **Svedujo** | = | Universala Esperanto-Asocio, Genève: Poŝtĉekkonto, Stockholm 4138. |
| **Svislando** | = | Rekte al C.O. de UEA. Poŝtĉeko Genève I. 2310. |
| **Urugvajo** | = | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Usono** | = | ĈD.: Joseph Dubin, 646 Westview Street, **Philadelphia** (Penn). |

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Centra Oficejo: I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

SERVARO: **Bibliografio, Ekspozicioj, Gazetabono, Hoteloj, Informoj, Kongreso, Libertempejoj, Librovendo, Propagando, Respondkuponoj, Turismo.**

Genève, 25 Aprilo 1937.

*Estimata samideano,*

La jena alvoko sin turnas al la Delegitoj de UEA kiuj pro ia ajn kaŭzo forlasis ĝin, ĉu pro la okazintaĵoj en Stokholmo, ĉu pro la ŝanĝo en la strukturo de UEA aŭ pro alia kaŭzo. Kontraŭe al la diroj cirkulintaj, UEA daŭrigas sian agadon, klopodas restarigi ĉion tiel kiel estis ĝis 1934. Post nelonge la Provizora Komitato de UEA aranĝos la elekton de la nova komitato de la Asocio.

Pli ol iam necesas, ke nia lingvo havu centran organizaĵon vere supernacian kaj sendependan de iaj influoj aŭ premoj. La konstruo *Universala Asocio = kunigo de naciaj asocioj*, rezulto de longjara penado, ne respondis al la spirito de nia movado, kiu ne estas *internacia*, sed supernacia kaj universala, UEA, tia kia ĝin kreis Hodler kaj Rousseau akceptas ĉiun honorindan personon, por kiu la idealo de D-ro Zamenhof ne estas nura reklamŝildo, sed realaĵo alcelota. Por ke UEA ree estu tio, kio ĝi estis ĝis 1934: Batalantaro por ĉio nobla kaj samtempe la fokuso de praktika serva agado ni alvokas vin, ree partopreni la Asocion kaj samtempe iĝi Delegito de via urbo. Bonvolu, okaze de via konsento plenigi la aldonitan demandaron kaj sendu ĝin ĉu rekte al la Centra Oficejo de UEA, ĉu al la ĉefdelegito de via lando, se tia ekzistas.

Samtempe konigu al ni viajn ideojn pri la funkciado estonta de la Asocio, ĝiaj servoj ktp.

Ni sendas al vi sinceran samideanan saluton.

Universala Esperanto-Asocio (Prov. Komitato)

K. M. Liniger. Prezidanto.

Renaud Richez. Vicprezidanto.

# Venu vidi Varsovion! Varsovio vokas vin.

## Akvo kaj fajro

Kial paroli pri « skismo » en Esperantujo? Skismo tute ne bezonas esti. Naciaj propagandaj societoj estas utilaj kaj bonaj. UEA estas ankaŭ necesa kaj subteninda. Ĉiu havas sian propran rolon kaj rajtas ekzisti.

Eraro estis, laŭ mia opinio de simpla esperantisto, ilin unuigi, ĉar ili reagas kiel akvo kaj fajro, ambaŭ utilaj elementoj, sed ne kunigeblaj.

La naciaj societoj devas adaptiĝi al la cirkonstancoj de sia ŝtato. Se regas ondo de nacianismo, ili devas kalkuli kun tio kaj ili propagandas esperanton kiel rimedon ankaŭ praktikan por diskonigi la bezonojn de sia lando aŭ ĝian sopiron al justeco.

Dume UEA devas resti plene sendependa de tiuj momentaj fluoj kaj refluoj naciaj. Estas ĝia rolo konservi netuŝebla la spiritan fundamenton de esperantismo, tiun supernacian kaj supergentan atmosferon, kiun Zamenhof volis krei per la nova lingvo kaj kiun la homaro nepre bezonos por organizi kunvivadon kaj internacian kunlaboron.

Dum la mondmilito montriĝis la utileco de tia kerno de homareco super kaj ekster naciaj bataloj. UEA servis al miloj da homoj kaj familioj, simile al la Ruĝa Kruco, kaj savis ilin el turmentoj pro nescio kaj maltrankvileco pri parencoj eksterlande.

Ĉe familia doloro aŭ vunda sufero malaperas ĉiu demando pri raso aŭ nacio: nur homeco kaj homareco gravas. Se UEA estus tiam federacio de naciaj societoj, ĝi ne estus povinta ludi tiun rolon. Se ĝi estus nun tia federacio, ĝi riskus kaŭzi malfacilaĵojn al tiu aŭ alia societo nacia pro aparta enlanda situacio.

Kontraŭvice tiu aŭ alia societo povus influi al ĝi por ekmordi aŭ eĉ tute forigi ĝian plej valoran econ, la fidelecon al Zamenhofa idealo. Plej bone ĝi do restu for el tiaj tro intimaj ligoj. Sufiĉas, ke ĝi konservu bonajn rilatojn kun ĉiuj esperantaj organizaĵoj.

Tiuj bonaj samideanoj, kiuj volas ĉion unuigi por ŝpari kelkajn monerojn de duobla kotizaĵo forgesas vidi tion, kio pli gravas ol la moneroj. Ili relegu la fabelon pri la kokino kun oraj ovoj.

Kapti UEA signifas ne nur tuŝi la materialajn orajn ovojn de malgranda rezervkapitalo, sed ankaŭ la moralan trezoron. Elĉerpi tiun valoron estus fari grandan krimon kontraŭ la memoro kaj vivcelo de Zamenhof.

Kiuj sentas la neceson konservi tiun spiritan kapitalon super ĉiuj rasaj kaj naciaj influoj kaj daŭre kulturi ĝin kiel netakseblan valoraĵon, ĉiam pretan por estontaj bezonoj de la homaro, tiuj subtenu Universalan Asocion, kun tia celo.

Pli bone firma UEA kun milo aŭ dumilo da subtenantaj membroj ol kaŭĉuka organizaĵo de kontraŭbatalantaj influoj. Neniel necesas disputi aŭ malamikiĝi kun la naciaj societoj pro tio. Ĉiu faru sian taskon fidele kaj kompreneme respektu la rolon de la cetera.

Edmond Privat.

## Antaŭkongreso en Praha

Prepara komitato ĵus konstituiĝis kaj invitas la samideanojn viziti la 5-an kaj 6-an de Aŭgusto la ĉefurbon de Ĉeĥoslovaka Respubliko. Rabato fervoja. Faciligoj loĝejaj. Senpaga vizito al multaj famkonataj vidindaĵoj de Praha. Gaja vesperarango. Aliĝintoj ricevos bele ilustritan broŝuron pri Ĉeĥoslovakio (senpage). Neniu speciala kotizo. Simpla anonco suficas. Sola peto: informu pri via aliĝo sufiĉe frue. Detalaj informoj ĉe la Prepara Komitato Slavík Praha XIX Uralské 9.

## XIXa I. K.U.E. Kongreso

*Hago, 1-6 Aŭgusto 1937*

La XIXa Kongreso de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista okazos en Hago (Nederlando) 1-6 Augusto 1937 en la historia salonoj de la « Ridderzaal » (Kavalira Salono).

La Kongreson antaŭos la jarkunveno de « Nederlanda Katoliko » kiu okazos la 1an de Augusto. La provizora programo estas jena:

*1an de Augusto* (dim.): Vespere, 8. horo: Interkonatiĝa Vespero.

*2an de Augusto* (lund.); 10a horo: Pontifika Meso en la Preĝejo de St. Jakobo, ĉefpreĝejo. 2a horo: Solena malfermo de la Kongreso. 8a horo: festvespero.

Mard., merk., jaud. verd.,: 8.30. horo: Sankta Meso kun Esperanto-prediko en preĝejo de St-Jakobo. 10a horo: laborkunvenoj.

*3an de Augusto* (mard.): Autobusa ekskurso tra Hago kaj Scheveningen, kun fincelo la Ĵamboreon en « Vogelenzang » (kampfajro).

*4an de Augusto:* Ĝenerala kunveno de I.K.U.E. Ekskurso al Rotterdamo. Kongreskartoj por la tuta Kongreso 2.50 ned. guld. Kongreskartoj por unu tago 1 ned. guld.

La loka Kongreskomitato disponas pri adresoj por 150 personoj, kiuj por tranoktiĝo kun matenmanĝo bezonas pagi ne pli ol 1 ned. guld. po tago. Ĉiujn korespondaĵojn pri partopreno al la Kongreso aŭ pro informoj oni direktu al la ĝenerala sekretariokasisto de la kongreso: Sro F. Marrevee, Hugo de Grootstraat 76, Hago (Nederlando) Giro no. 82984.

En sekvonta komuniko sekvos pli detalaj informoj.

## Esperanto en Germanlando

Ni legis en germana taga gazeto (8. Aprilo 1937) jenan komunikon, kiun ni reproduktas originale

Weiter hat der Reichsstatthalter die « Komercista Esperanto-Unio » — Centro Dresden — für das Gebiet des Landes Sachsen anfgelöst und verboten.

Tio signifas, ke la landestro de Saksujo dissolvis kaj malpermesis KEU, la organizaĵon Komercista Esperanto-Unio, Centro Dresden, por la teritorio saksa. Laŭ la iom trograndigaj informoj aperintaj nelonge en esp. gazetoj, oni kredigis al eksterlandaj esperantistoj, ke Esperanto estas denove allasata — sub la formo de komerca entrepreno — Nun ankaŭ tiu ĉi iluzio estas for.

## Letervespero

La « FLANDREMA GRUPO ESPERANTISTA » organizos letervesperon, merkredon, la 5an. de Majo 1937. Oni atendas multajn respondojn de eksterlandaj esperantistoj. Ĉiuj gesamideanoj ricevos respondon. Petu skribi al « FLANDREMA GRUPO ESPERANTISTA » — Klapdorp 103, ANTWERPEN (België).

## Elmigro

Volante elmigri el Pollando al Brazilo, mi deziras korespondadi ĝis 1.XI.1937 kun brazilaj esperantistoj pri komerco kaj industrio, detale pri importado de eŭropaj komercaĵoj al Brazilo. Mia adreso: Antoni Zbikowski, skr. poczt. 32, Tomaszów Lubelski, Pollando.

## TELEGRAMO DE VARSOVIO

DU CENT KVINDEK POLICANOJ CENT PRIVATULOJ ALIGHIS CSEHKURSOJN DE MORARIU. STOP. INSTRUISTAJ KURSOJ EN PREPARO LOKOKO.